# La KancerKliniko

Politika Kultura Skandalema Ajnista

En ĉi numero 118
*Apr-maj-jun 2006*

plia BRK, far Sire
*(Bilda Resumo de Klasikaĵo)*

## Blubarbo

*Anno, Fratino Anno ! Ĉu vere vi ne vidas ion alveni ?*

**Mi vidas nur ĉielon, kiu bluas, herbejon, kiu verdas, sunon, kiu flavas, korvojn, kiuj nigras musojn, kiuj grizas episkopon, kiu purpuras kameleonojn, kiuj komplikas ĉion....!**

*Se ŝi almenaŭ gvatus ĉe l' taŭga flanko !....*

*Anno ! Pff ! Prefere oni nomu ŝin "Azeno" !*

ISSN 0398-5822 **4,40 €**

**Por infanoj !!!**



*Por infanoj ?*



Fabel-rakonto por infanoj, de Perrault

# Ariano kaj Blubarbo

Ariano, fianĉiniĝis kun Blubarbo spite la konsilojn de sia ĉirkaŭantaro...

Fine, ni rezignas la version de Perrault, tro kruelan. Nur infanoj povas ĝin elteni. Ni anstataŭe elektis tiun de Maeterlinck. Kiun operigis Dukas. Sed tio ne vere gravas tie ĉi.








Per tre gracia brakmovo, tamen tre klara, Ariano komprenigas, ke ŝi agos laŭ sia nura vol'

Jen sep ŝlosiloj por iri ĉie en la kastel'
Sed la sepan...

Neniam uzu ! Ja ! NENIAM !

Kial doni al mi ion, se mi ne rajtas ĝin uzi ?

Ĉu vera blondulino ?

kaj malfermas kion, la sepa ?

nu, kelon... sube...

kie aŭdiĝas plendoj kaj veoj !...

nu...mi iras aĉeti cigaredojn... ĝis !









**La KancerKliniko**
***Kultura, politika, skandalema, ajnista***

lkk@free.fr

**N° 118**
**Apr./majo/junio 2006**

**Ĵak Le Puil**
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR80 3004 1000
0112 7297 3x02 063
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

**Nia felietonisto:**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Ĵak Le Puil**
**Michel Duc Goninaz**
**Dao Anh Kha**
**Bertil Englund**
**Nikolao Günkel**
**Arnau**
**Stefan MacGill**
**Ŝarlerik d'Arroi**
**Fra Gaeta**
**Gennadij Turkov**
**Peter Browne**
**Michael Kent Jones**
**Jopetro Danvy**
**Steĉjo de Kanado**
**Mikaelo Bronŝtejn**
**Laŭrenco Septier**
**Armela**

# Kolora Lokoko

*Lkk* ne subite trovis kvindek pliajn abonantojn! Nek mirakle heredis de "amerika onklo". Serge Sire revis pri koloro, li realigis sian revon! Ĉu ni devas kisi lin? Adorkliniĝi antaŭ li? Forte skui liajn manojn? Sendi gratulleterojn, amleterojn? Ŝajnas, ke li ne rifuzus tiajn dankesprimojn, sed tamen mi konsilas al vi alian dankformon... Eble vi povus simple reagi al liaj bildstrioj... Kiel diras trafe Jiří Patera en *La Gazeto* 124: "Oni ŝatas ofte aserti, ke E-o estas kultura lingvo, ĉar ĝi havas sian propran originalan literaturon kaj precipe poezion. Iam oni mencias ankaŭ la E-an teatron, iam eĉ la E-an muzikon. Sed iel oni forgesas pri la E-a pentroarto, pri la originalaj E-aj ilustraĵoj, karikaturoj, krokizoj. Sed ankaŭ ili apartenas al la E-a kulturo."

Denove kuniĝas en tiu numero la "musketeroj", Le Puil, Septier, Danvy... kaj Sire. Aliajn kutimajn homojn vi retrovos, kun la reapero de Stefan MacGill kaj, post multaj jaroj, de Michael Kent Jones. Legu, frandu, kaj reagu!

***Ĵak Le Puil***

## Enhavo





# La Kuracoservo

## *Ĵak Le Puil*

**La strato**. Jes denove ni havis pruvon, ke la strat-manifestacioj, la strikoj multe pli efikas ol balotiloj! Parfumon de majo 1968 havis marto 2006 en Francio. Ne pro barikadoj, ne pro ĝenerala striko – ja milionoj da senlaboruloj ne povas striki, kaj milionoj da laboristoj tro timas perdi sian postenon, jam ofte nur portempan.

Sed, kiel en 68, studentoj, liceanoj kaj eĉ ĉi foje pli junaj lernejanoj manifestaciis kun laboristoj kaj emeritoj (sufiĉis spekti la multajn blankajn harojn, kiuj foje pensigis al ... esperantista kongreso!). Unuan fojon mi havis la ĝojon (kaj ian amarecon) manifestacii ne nur kun Armela, sed ankaŭ kun nia filino Cendrina kaj kun niaj genepoj Vivien, Adrastea kaj Maria, respektive liceano kaj gimnazianinoj. Kaj la solidareco inter generacioj estis forta. En ĉiuj manifestacioj la plenkreskuloj neniam forgesis malhelpi tro fortan senbridecon de kelkaj junuloj aŭ interveni apud policistoj por eviti aŭ nuligi arestojn. Kaj, krom kelkaj neeviteblaj malglataĵoj en grandegaj urboj, ĉio disvolviĝis bonhumore kaj plej digne.

Nedubeble la sukceso de tiuj manifestacioj ne estas ia hazardo. Por la unuan fojon de post pli ol kvindek jaroj, ĉiuj sindikatoj, ĉiuj maldekstraj (foje pli-malpli!) partioj kune alvokis al tiuj manifestacioj.

Sed kial tiu lavango da homoj surstrate? Pro iu leĝo, kiu ebligis dungi junulon, sed ĉefe maldungi lin dum du jaroj, iam ajn kaj sen ia klariga motivo! Tiam oni vidas antaŭ ĉio la stultecon de nia nuna registaro ĉar: unue homo, kiu eniras firmaon sciante, ke oni povas forĵeti lin iam ajn kaj sen motivo neniam devontigos sin al pozitiva laboro; due plej granda parto de la mastroj ne emas maldungi valoran laboriston; kaj trie la nunaj leĝoj pri laboro ebligas maldungon de laboristo ĉu pro ne respektata kontrakto, ĉu pro ekonomiaj cirkonstancoj. Resume tiu leĝo estis antaŭ ĉio tutsimple artifikaĵo por kredigi, ke la registaro zorgas pri la junaj senlaboruloj.

Do, nun la aludita leĝo estas for, kaj kelkajn tagojn post tiu sukceso, okaze de la memorfesto de la 1-a de majo, la sindikatoj, malunuiĝintaj, stratdefilis! Tiel ne morgaŭ okazos renverso de la nuna politiko, sed mi ja ne bedaŭras la stratdefilojn, kiuj en kelkaj semajnoj ebligis al mi piediri, ĉi foje sen tiri mian radetrubujon (vd. LKK-on 114), multajn kilometrojn, kio tutcerte plezurigos mian kuraciston!

**Elektro plus muzik', jen fine poetik'!** kantis mi en "Jen tiuj". Hodiaŭ plej gravas elektro por hordoj de stranguloj, kiuj por forgesi la ĉiutagan premadon en metroo retroviĝas okdekmilope dum pluraj tagoj kun sonoj, kiuj atingas 70.000 ŭatojn!

Direndas ke, je kelkaj kilometroj de Tomje, ĵus okazis dum pluraj tagoj iu tiel nomata "Teknofestivalo", kun 82.000 homoj, en vilaĝo de ... 169 loĝantoj! Pro la freneza bruo ne multe dormis la vilaĝanoj dum tiuj tagoj kaj mi ne certas ĉu la tieaj bovinoj sukcesos doni bonan lakton post tiu epizodo!

Kompreneble la vilaĝanoj ne tro aprecis kaj la bruon kaj la alvenon de miloj da aŭtoj, kiuj preskaŭ malebligis al ili libere cirkuli. Nu tiun ĝenon oni tamen povas elteni dum kelkaj tagoj. Male la elekton de la loko, ne far la organizantoj sed far la ministro pri internaj aferoj, neniu povas aprobi. 160 hektaroj, de sep kultivistoj, estis rekviziciitaj, el kiuj la duono estis kultivitaj! Tiel estis falĉitaj hektarojn da tritiko, kolzo, ktp. Kaj oni avertis la kamparanojn nur kelkajn tagojn antaŭ la festivalo, por malhelpi ĉian manifestacion. Ja, la ŝtato, t.e. ni ĉiuj, kompensos la perdon de la rikoltoj, sed tiu malrespekto de alies laboro estas hontindaĵo, kiu cetere ŝokis ankaŭ la festivalanojn. Des pli ke, je nur kelkaj kilometroj, troviĝas armea tereno de miloj da hektaroj, kie nur kunikloj, leporoj, kapreoloj kaj aliaj bestoj trankvile vivas kaj devas nur sin kaŝi la tagojn, kiam okazas pafadoj... Kial do elekti faŝismecan metodon por la organizado de tiu festivalo? Mistero...

Fine, post tiu tute intima festivalo, nur du junulinoj mortis pro troa drogado, kaj la ekspertoj konstatis, ke pluraj kampoj ne povos esti kultivitaj dum pluraj jaroj...

Konklude oni povas elekti: ĉu amasiĝi surstrate por defili kaj esperi ian ŝanĝon politikan, ĉu amasiĝi sur kampo kaj surdiĝi per teknomuziko. Elektro tro tro. Ĉu muzik'?...

# El la taglibro de nekuracebla optimisto

*Michel Duc Goninaz*

Antaŭ kelkaj jaroj mi promesis al la legantoj de LKK rakonti "kiel mi partoprenis SAT-kongreson sen kalaŝnikovo" kaj ĝis nun tiun promeson mi ne plenumis. Pli bone malfrue, ol neniam. Mi do fosis en mia arkivo por retrovi la jenan paĝon el mia taglibro.

**Julie 1998 en Odeso.** Dum la lasta laborkunsido de la SAT-Kongreso, kelkaj paciencaj kongresanoj ankoraŭ ĉeestantaj diskutadas, kiel decas en tiaj okazoj, pri la ĝusta loko de la punktoj kaj komoj en la teksto de la fina deklaracio, kies celo estas ŝanĝi la aspekton de la mondo. Tiuj kongresanoj estas des pli malmultaj, ke la ĉefaj respondeculoj jam eliris por ĉeesti iun urbestran akcepton. Tiun situacion profitas iu kongresano el Serbio, kiu proponas aldoni al la deklaracio novan paragrafon, kiu protestu kontraŭ la embargo kaj similaj ekonomiaj punoj, kiujn UN trudas al malfeliĉaj popoloj, "kies registaroj ne plaĉas al la ŝtatoj, regantaj en UN". Tiu ĉi propono vekas novan debaton, kaj mi i.a. petas la proponinton, ke li precizigu sian vidpunkton — do fakte sian celon. Li ripetas ĝin sen precizigo. Mi do — hipokrite, mi tion konfesas — demandas lin, ĉu li aludas pri Irako. Estas ja vere, ke la Iraka popolo ege suferas pro la embargo, kiun trudis al ĝi UN post la milito, iniciatita de Sadam Husejn en 1990. Tamen — mi aldonas — ni devas diskuti pri tio, ĉu iu popolo ne respondecas pri la agado de sia registaro, kiel ajn tirana estas tiu lasta. La superhipokritulo plu asertas, ke li ne aludas iun difinitan landon. Tiam mi forlasas mian hipokritadon kaj klare diras, ke laŭ mia opinio li volas defendi la kriman politikon de la serba registaro kaj de la plej granda parto de la serba popolo, kiu ĝin subtenas. Mi klare diras, ke se liaj samlandanoj suferas hodiaŭ pro nuraj ekonomiaj punoj, ili tion dekoble meritis, kaj se morgaŭ ili suferos eĉ bombadojn, ili tion centoble meritos, same kiel meritis sian sorton la germanoj kaj japanoj en 1945[1]. Mi klare diras al li en la vizaĝon, ke li partoprenas SAT-kongreson por defendi plej fiajn krimulojn. La diskutantaj kongresanoj bonvolas akcepti lian proponon, sed kun modifo : la aludataj reĝimoj, viktimoj de la internaciaj punoj, estu nomataj "malhumanaj". Li indigne protestas : laŭ lia tezo la sola krimo de la koncernaj regantoj — ni diru klare kaj malhipokrite : de Miloŝeviĉ kaj liaj komplicoj — konsistas en tio, ke "ili ne plaĉas al UN". La plimulto de la grupeto bonvolas kondamni la embargojn, sed insistas por aserti, ke ili koncernas "malhumanajn reĝimojn". Tiel rezultas kompromisa formulo.

Tuj post la fino de la diskuto, mia amiko G. aliras min kaj diras : "Miŝel', mi ne povas konsenti kun vi. La popolanoj ne respondecas pri la krimoj de siaj regantoj". "Nu, — mi respondas — tio signifas, ke tie, kie vi konstatas kolektivajn krimojn, vi malagnoskas kolektivan respondecon. Vi do prave diras, ke vi ne konsentas kun mi". Simpla kaj racia konkludo.

Sed tuj poste min aliras mia amikino K., kun kiu disvolviĝas la proksimume jena dialogo :

— Miŝel', kio okazis al vi? Mi neniam vidis vin en tia stato...

— En kia stato? Mi ne komprenas.

— Sed ja dum via interveno...

— Nu, ĉu mi ne parolis trankvile kaj klare?

— Ha, jes, sinjoro docento volas ĉiam ŝajnigi, ke li parolas elkatedre! Sed, kara mia, vi ne vidis vian vizaĝon!

— Nerefuteble! Mi certe ne vidis ĝin *[mi, ne dezirante plidikigi la akuzdosieron pri mizogineco, kiun mi ĝuas en iuj medioj, kompreneble ne aldonis, ke dum la laborkunsidoj mi ja ne eligas speguleton el mia mansako por kontroli la staton de mia vizaĝa ŝminko]*. Nu, kia estis mia vizaĝo, kiun vi tiel atente observis? Kolere ruĝa?

— Ne. Blanka.

Blanka! Ĉe tiu vorto mi komprenis, ke ŝi pravas. Per sia senmanka virina intuicio, ŝi divenis tiun veron :mia vizaĝo blankiĝas, kiam mi sentas murdemon. Kaj ŝi aldonis senkompate :

— Kaj viaj okuloj... *[diable, ankaŭ ilin mi ne vidis! Kio do kun miaj okuloj, ĉu ilia ĉarmo ne plu igas ĉiujn virinojn senrezistaj?]*

— Nu, miaj okuloj...?

— Se ili estintus pistoloj...!

Ha, jes, kun multaj "se" oni efektive povus ŝanĝi la mondon, pli certe ol per stultaj kongresaj deklaracioj. Sed pistolo ŝajnas al mi iom arkaika ilo. Mi do konkludas :

— Nu, ekde nun mi ne partoprenos SAT-kongreson sen kalaŝnikovo.

Bedaŭrinde okazas foje, ke mi ne plenumas miajn decidojn.

---

1 Oni atentigis min, ke iuj legantoj, parolantaj alian Esperanton ol mi (ili eble ekzistas, ĉar mia optimismo havas limojn) povus kompreni el tiuj vortoj, ke mi "aprobas" la aluditajn bombadojn de la dua mondmilito. Se tiaj legantoj ekzistas, ili bonvolu skribi al mi. Mi mencios iliajn opiniojn kaj respondos al ili en la venonta numero, i.a. per artikolo titolota "Eseo pri la uzo de la vortoj *aprobi, kondamni, protesti* ks, kun psikiatria ekspertizo pri ties uzantoj". Se neniu skribos, la promesita artikolo tamen aperos.

# Pri la muzikeco de l' poezio*

*Dao Anh Kha*

## La rilato korpo-ombro inter muziko kaj poezio

Muziko kaj poezio havas saman originon, ili naskiĝis sur sama tereno, grandiĝis en sama atmosfero: la fizika lando de l' sonoj.

Ekde la aŭroro de l' homaro, en festaj amuzoj aŭ en la solena medio de diaj celebroj, la unuaj homoj dancadis kriante en la bruoj de piedtretoj, de manfrapoj kaj en la melodio de rudimentaj muzikiloj. Kaj kiam muziko pentris la Parolon, la homo ekkantis. La lingvo disvolviĝis iom post iom, kaj nur kiam ĝi atingis difinitan nivelon, aperis poezio. Tuj penetris poezion la muziko, levigante alian novan kanton, la kanto de l' poezio. Tial ne estas hazardo kiam ni, tra la Greko-Latina mito de Orfeo, renkontiĝis ĉi tie kun junulo disponanta eksterordinaran talenton, li, samtempe poeto kaj kantisto. Estis filo de la Inspiro literatura kaj belarta (la Muzo).

Tial, same kiel paro de konfidenculoj en la senco (de ĉina sentenco) "Similaj voĉoj sin respondas, similaj karakteroj sin renkontas", muziko kaj poezio streĉe kunligiĝas. Historio montras, ke de la unuaj momentoj kiam poezio naskiĝis, ambaŭ konfidenculoj ĉiam troviĝis apudaj, kvazaŭ paro de artistoj agordantaj siajn talentojn por alporti subliman ĝojon al la antaŭhistoriaj homoj. Pli ol tio, ilia povo pruviĝis tiel granda kaj mistera, ke ĝi helpis la iamajn homojn kontaktiĝi kun divinestaĵoj kaj kun Dio. La poezio estas konsiderata kiel kantado de la sanktaj animoj. Laŭ legendo, dank' al la Revelacio, la moŝlimoj (sanktaj poetoj de hebrea origino) kapablis registri la Parolojn de la Kreinto, pro tio ili skribis senmortajn ĉapitrojn en la Biblio. Estis la diaj versoj, kiujn apostoloj kaj kredintoj de Kristo skandante recitadis, meze de la mildaj harmoniaj sonoj de muzikiloj.

*Gloru la Eternulon per la harpo*
*Per dekkorda psalterio ludu alLI.*
*Kantu al Li novan kanton*
*Bone ludu al Li kun trumpetado.*
*Ĉar ĝusta estas la Vorto de la Eternulo...*

(Psalmo 33 – trad. Zamenhof)

Pli posten, kiam ambaŭ flankoj -Muziko kaj Poezio- kreskis, ili pasiiĝis unu al la alia, kvazaŭ paro de geamantoj. En la senco de verso (de Tan Da) "Mi kaj Ci, kvankam du estas unu, Ci kaj Mi, kvankam du estas unu", se Muziko ludas kiel korpo, Poezio estas ombro, kaj kiam Poezio ludas kiel korpo, nature Muziko fariĝas ombro.

La kunligiĝo de poezio kaj muziko estis rimarkita en la Antikveco de la greka filozofo Aristotelo kiu pensis, ke pro la inklino imiti la Naturon, la homo redonas "en la versoj, ne nur bildojn, sed ankaŭ melodiojn kaj ritmojn. Platono laŭ sia maniero opiniis: "Dum la lirikaj poetoj komponas belajn poemojn de ni konitajn, ili penetriĝas en la movojn de la muziko kaj de la ritmo, spontanee entuziasmiĝas ĝis perdi la kapon, tiel kiel tiuj Baĥantinoj, kiuj venas al la riverbordoj por ĉerpi, el la fluo, lakton kaj mielon".

Tia koncepto, ke poezio imitas la Naturon povas esti rimarkita denove per la vortoj de la japana poeto Sirayuki (en la jarcento X): "Poezio konsistigas lasi sian koron esprimi sin, pere de tio kion oni vidis kaj aŭdis. Tio estas kvazaŭ inter la floroj flueto kantas, sur la laga supraĵo rano tondrokrias... Aŭdinte tiujn sonojn, kiu ajn dume vivanta povus reteni sin de kantado!"

## Poezio, la kanto de l' animo

La homoj frue rekonis, ke poezio ĝuste estas kantado de iliaj animoj. Tiu kanto mirinde alportas al ili senliman ĝojon, kiun ili ricevas kiel valoran donacon de Dio. Ŝillero (jarc. XVIII) skribis: "Vi ĝoju pro via instinkto pri melodio falinta el ĉielo. Tial ke ekzistas la poeto por aŭskultigi al vi kantojn, kiujn Muzo instruis al li, Dio enkarniĝis en la poeton por elveki lin, kaj la poeto transformiĝis en Dio por tiuj, kiuj aŭdis liajn kantojn". Voltero eksplikis: "Poezio estas la muziko de l' animo, speciale de la grandaj senseblaj animoj... Poezio estas la harmonia elokvenco de l' sonoj". A. de Vigny (jarc. XIX) rimarkis: "Kiu ajn, verkinte unu belan verson, ekkantis". Verleno, verŝajne la plej melodia poeto de la franca literaturo, diktis kiel formulon por sia arto: "Estu muziko antaŭ ĉio". Konsekvence, sen ajna surprizo ni konstatis ke la hindia poeto R. Tagoro nomis ĉiujn siajn verkitajn poemetojn kantoj:

*Tutan mian vivon miaj kantoj Vin* (1) *traserĉadas*
*Estas ili, kiuj gvidas min de pordo al pordo*
*Per ili, palpadante kaj skrutante mian universon*
*Mi sentis ĉion ĉirkaŭ mi.*
*Estas miaj kantoj, kiuj instruis al mi ĉion*
*kion mi ankoraŭ ne ellernis,*
*Kiuj indikis al mi la kaŝitajn vojetojn*
*Al mia vido oferis Astron*
*en la horizonto de mia kor'*
*Laŭlonge de l' tago miaj kantoj kondukis min*
*al la mistera lando de l' plezur' kaj de l' dolor'.*
*Ĝis kiu krado de kia palaco ili min atingigos*
*en vespero, tiam kiam mia vojaĝo estas finiĝonta?*

(*Gitanĵali*)



## Riĉaj transmutacioj de l' muziko

Se imensa kaj mistera estas la homa animo, la ĉielvolbo de l' poezio plenplena de harmonioj rivelas sennombrajn formojn de muziko, senfine ŝanĝeblajn. Tial la poetoj tra l' generacioj kontinuas eltrovi plej diversajn transmutaciojn de l' muziko por la poezio, plej diversajn poemformojn, esprimante plej buntajn animstatojn. Ekzemple Bodlero, unu el la plej "artismaj" poetoj, multe pensis pri tiu temo, konsekvence li skribis: "La muziko tuŝas al la poezio per prozodio, kies radikoj plonĝas en la homan animon, pli antaŭe ol indikas tion nenia klasika teorio. Poezia frazo povas imiti (kaj per tio ĝi tuŝas al la muzik-arto kaj al la matematika scienco) la horizontalon, la rektan linion ascendan, la rektan linion descendan; ĝi povas tuj ŝpruciĝi ĉielen sen spirmanko, aŭ sinki perpendikle inferen kun la rapideco de ĉia pezeco. Ĝi povas sekvi la spiralon, aŭ la zigzagon figurante serion da supermetitaj anguloj". Per tiu originala eksplikо la sperta poeto volis demonstri al ni, ke ekzistas sennombraj procedoj por krei riĉajn melodiojn kaj ritmojn de l' poezio. Kaj ĉu vere per tio li antaŭe anoncis la poste venontan aperon de tute liberaj poem-formoj, nur laŭinspiraj, kiel ekzemple la laŭgradaj versoj utiligitaj genie de Maiakovski, aŭ la versoj aŭdace aranĝitaj horizontale, vertikale, diagonale, kurbe kaj zigzage, sub la kreiva mano de Apollinaire... Tiuj eltrovoj estis feliĉaj, kaj la seriozaj traserĉoj neniel sonas formalismaj tiel kiel pensis iuj kritikistoj de konservatisma tendenco.

## La muzikeco de l' poezio estas harmonio ĝenerala kaj totala

Tiam kiam la muziko ensorbiĝis en la poezion por fariĝi ties ombro, tiu ombro tuj multoble grandigas sian silueton, laŭ diversaj eblaj dimensioj: Ekzemple la profundo de l' sentoj, la alteco de l' spirito, la senlima vasteco de l' animo, la senfina daŭro de l' movoj... Dume, la harmonieco, t.e. ĝia kvintesenco, sub la ekscito de *la bildiga lingvaĵo* [(2)] projekcias ĉiudirekten, okupante tutan nian cerbon. Deire de agordiĝo inter la sonoj, la kolortonoj, la son-eĥoj, la harmonikoj, la melodioj, la ritmoj kaj inter ili ĉiuj, la muzikeco fulmrapide kreskas en ĝenerala harmonio.

*Turniĝas sonoj kaj parfumoj en aer'*
*Langvora melankolia valso de l' vesper'*

(Bodlero – "Vespera harmonio")

Leviĝas subite en nia menso Granda Simfonio, kiu plie ampleksas harmoniiĝon inter ĉiuj sentoj, inter ĉiuj pensoj kaj inter la sentoj kaj la pensoj, tiun ĝeneralan kaj totalan harmonion posedas nur poemo plena de muzikeco. Tiam nia spirita ĉielvolbo eklumas kaj spontanee vivecas, portante tutan nian animon en alian mondon belegan kaj feliĉigan, kie ĉiaj maltrankviloj kvietiĝis, ĉiuj angoroj kaj ĉagrenoj konsoliĝis – t.e., kiel diris Supervielle: "la iluzio de mondo absolute harmonia, kie disipiĝas ĉiaj ekzistintaj kontraŭdiroj". Por kompreni la kialon de tiu fenomeno, ni adresiĝu al Carlyle, kiu povus doni al ni persvadan analizon: "La muzikeca penso kapablas penetri en la centron de la objektoj, rivelante la ariojn en ili kaŝitajn, tial ke sube de ĉio estas melodio, kiu nature esprimiĝas per kanto". Sed kial, starante antaŭ tia harmonia mondo troviĝanta nur en nia memo, ni tiom emociiĝas kaj ektrovas subliman ĝojon, neesprimeblan pasion? Pri tio Bodlero povus doni al ni taŭgan respondon, sufiĉe adekvatan kun la reala vivo: "Ĝuste dank' al la poezio kaj pere de la muziko, nia animo vidas la brilajn lumojn troviĝantajn malantaŭ la tombo. Kaj kiam varma verso kondukis larmon al nia okulo, tio neniel estas pruvo pri trouzo de ĝuado, sed pri persistema tristeco, pri postulo de la nervoj, de natura substanco ekzilita al stato ne-perfekta kaj verŝajne ĝi volas akapari, tuj sur ĉi tero, la rivelitan paradizon".

## La granda povo de l' muzikeco en poezio

La muzikeco alportas al la poezio apartan belecon, kiu disponas grandan forton de allogo kaj de kontentigo por nia psiko. Pri tio oni povas trovi inter aliaj pruvojn el la vjetnama literaturo.

Antaŭlonge, pluraj niaj esploristoj, pristudante la mirindan verkon "*La Historio de Kjeu*" – famkonata versa idilo de Nguyên Du (jarc. XVIII) – multe aprecis la kapablon de la granda poeto, kiam li sukcesplene enigis muzikon en sia poemon. Ankoraŭ li esprimis ĉi tie la grandan povon de l' muzikeco en poezio.

Dum la tuta tragika vivo de Kjeu priskribita de Nguyên Du [(3)], Kjeu havis entute kvar fojojn de muzika ludo, en kvar malsamaj situacioj kaj en tute apartaj anim-statoj. Jene mi citos nur tri kazojn:

1 – Post la vizito al la tombo de Dam Tien – la martira belulino – Kjeu en sonĝo revidis la spiriton, kiu al ŝi anoncis ŝian "destinitan faton". Sekve ŝi havis la okazon ludi muzikon por la plezuro de sia amanto Kim Trong. Tial ke ŝi estis en sia unua amo, ŝia muzikilo sonis tute embarasa, maltrankvila kaj angorplena [(4)].

*La kordoj ĝustigitaj, tuj baldaŭ for de muto*
*Jen alde base, laŭte mallaŭte la liuto*
*Sonadas; bruadas fer-frapoj kaj or-tintoj –*
*Batalo inter Hanaj kaj Ŝuaj militintoj!*
*Jen "Fang Kaŭ", ĉi plorpeto de povra la amanto –*
*Nur triston kaj riproĉon eldiris l' instrumento.*
*Jen "Ke Ĥan" – la kortega ario en soprano*
*Ĝemadas milde, akre sub febra ŝia mano.*
*Jen "Cjeŭ Kuan", la kantvoĉo ostaĝa sur landlimo –*
*Hejm-veas kaj ĉagrenas princino la viktimo.*
*Jen, sonoj puraj – gruaj alvokoj en primaver'*
*Malklaraj – ondaj bruoj el fonto de la river'*
*Leĝeraj – brizo svaga ekstere en lumhelo*
*Hastemaj – pluvofala tumulto el ĉielo...*

Tiel bolanta, malkvieta muziko, en kiu interplektiĝis ĝojo kaj tristo, espero kaj despero, nature ĝis korfundo emociis la junan beletriston Kim Trong:

*La lampo iam lumas, aliam mallumetas*
*En triston, embarason ĉio ĵetas*
*La solan aŭskultinton; li sidas kvazaŭsonĝe*
*La kapon mallevante, la manojn lasas longe*
*Apogi la genuojn; jen krispas li la brovojn*
*Sentante en korsino akregajn dolormovojn,*
*Kaj plendas: "Kvankam mirinda kaj belega*
*La ludo, kial tiom amara, ĉagren-veka!"*

2 – Post kiam Kjeŭ falis en katastrofon, ŝi estis devigita sidiĝi antaŭ la ĵaluza edzino Hoan Thu kaj la senenergia edzo Thuc Sinh por ludi muzikon. Estis la momento, kiam

*Kvazaŭas la kvar kordoj ploradi kaj lamenti*
*La homojn de l' okazo ne ĉesas plu turmenti*
*Kaj kvankam son-vibrado la sama ĉarmas*
*Dum unu ridetaĉas, l' alia mute larmas.*

3 – Kaj kiam, post la pereo de ŝia edzo Tu Hai – la heroo kiu forsavis ŝin, ŝia amiko kaj konfidenculo, kiu mortfalis nur pro ŝia troa kredemo, vera stulteco – tiam, ĝuste ekzakte ŝia malamiko, la perfidulo Hô Tôn Hiên devigis ŝin, fronte al li, ludi muzikon. Nu tiam

*Leviĝas tuj ario ŝtormega uragana*
*Sur kordojn el la fingroj ekŝvitas sango sala!*
*Eĉ ĝemoj la cikadaj, gorilaj ne egalas*
*Korvundi! De l' fiviro larmeto mute falas.*
*Li sondas: Nu, de kie vi trovis tiom mornan*
*Muzikon, ja tristegan kaj kortordan?*
*- Fatale ĝin mi lernis de l' fruaj junaj tagoj*
*Konfirmis ĝi nun mian destinon al la plagoj!*

Sub muzika povo tiel "demon-ploriga dion-minaca", la fiulo Hô Tôn Hiên spite de sia perfidema kaj malica karaktero, ne povis rezigni de kompato:

*Ebrias plua aŭdo, pasias longa vido*
*Eĉ fera la vizaĝo moliĝas pro libido.*

Jam, iam antaŭe, Ŝekspiro foje rimarkis: "La poetoj ŝajnigas ke Orfeo allogis la arbojn, la ŝtonojn kaj la ondojn. Ĉar estas nenia estaĵo tiom kruda, tiom malmolkora, tiom furioza, kies naturon la muziko ne momenton ŝanĝas. La homo, kiu ne havas en si muzikon, kiun neniel emocias la koncerto de mildaj sonoj, estas plene taŭga por perfidoj, por ruzmanovroj kaj por raboj. La movoj de lia animo estas tiel mornaj kiel noktoj, kaj liaj kor-inklinoj tiel sombraj kiel Erebo[5]. Vi malfidu tiun homon". Por difini la poeton, S.P. Roux substrekis unu punkton: "La poeto estas la depontenanto de ĉio harmonia kio ekzistas, kaj al kio li donas novan vivon".

Por konkludi, mi petas vian permeson formuli: Forta sensebleco de l' poeto al muziko estas unu el la unuarangaj postuloj, por ke li povu sukcesi en la poezia kreado.

* Ĉi tiu artikolo en la vjetnama originalo aperis en la gazeto *"Van Nghe"* (Literaturo kaj Belartoj), organo de Vjetnama Asocio de Verkistoj, n-ro 18-19, majo 2004.

[1] **Vin**: Dio, simbolo de la absoluta idealo de Tagoro cele al Vero-Bono-Belo.

[2] Vidu: *"Pri la bildiga lingvaĵo de l' Poezio"* en *"LKK"*, n-ro 113, jan-feb-mar 2005 aŭ en *"Verda mesaĝo"* n-ro 3-4, 2004.

[3] **Nguyen Du**: (Elpelu Güen Zu) la plej granda klasikulo de la vjetnama literaturo (1765-1820).

[4] Ĉi tiuj fragmentoj el *"La historio de Kjeu"* estas esperantigoj de D.A.K.

[5] **Erebo**: Vulkano troviĝanta sub la fundo de Antartiko.

- Imensa = grandega

# Dusencaj vortludoj

## *Bertil Englund*

Kiam temas pri esperantolingvaj vortludoj, oni pensas plej unue pri la franco **Raymond Schwartz**, mortinta depost multaj jaroj. Liaj multe da lertegaj vortludoj estas publikigitaj kaj en libroj kaj en gazetoj. Jen nur du ekzemploj de lia vortluda arto: "Ankaŭ religiuloj povas amoradi, nome, facile transiri de liturgio al lit-orgio". "Paro dancis tiel pasie ke ili baldaŭ transiris de fokstroto al koksfroto." Bedaŭrinde tro malmulte da verkemuloj provas vortludi en Esperanto. Vortludoj riĉigas lingvon, fortigas la fantazion. Ekz. la kombinado de afiksoj kaj neologismoj ofertas riĉajn eblecojn por kapablaj talentuloj. (Cetere, estus necese eldoni ampleksan rimleksikonon, ankaŭ leks-kombinadon de afiksoj-neologismoj). Fine mi jen prezentu miajn *proprajn*, modestajn vortludprovojn (escepte n-rojn 4 kaj 5 kiujn mi nur aŭdis dum la 1950-aj jaroj).

1. Pro sent-emo mi reagas, kiam vantuloj sen temo blagas.

2. Pli prefere sublima nivelo ol obscene sub lima celo.

3. Pro etosoplena liro, ia spirita deliro, fine kulmina eliro.

4. Tage vigla trafiko, nokte vigla tra...fiko.

5. Multaj povas bonege dormi, ankaŭ bone... gedormi.

6. Revantoj havas ofte fikciojn, sed spertaj erotikuloj... fik-sciojn.

7. En Vatikano mondgvide pap' agas, liaj adeptoj fidele papagas.

8. Ankaŭ la tentaj allogoj povas esti... latentaj.

9. Ĉu private la biblia Evo luis, poste la homaro evoluis?

10. Amodelira poeto per verse verkis nur perverse amleterojn.

11. La vendo de lavendo, pro sanigaj ecoj kreskanta mendo.

12. Perturbo povas ekesti per turbo.

13. Informoj estas gravaj, sed in-formoj pli ravaj.

14. Pli humane kor-nupta duo ol monavide korupta ĝuo.

15. Anstataŭ alkoholo, eble estas teo, logo por teologo.

16. Dia logo ankaŭ povus iel inspiri al... dialogo.

17. Kompare al urba vivo, kampare pli da trankvilo.

18. Ŝi havis in-timon dum li volis intimon.

19. In-tima aborto, intima sorto.

20. Riĉa religiulo invitis di-amantojn por montri siajn diamantojn.

21. Dum amuzo, povas pro amruzo esti am..uzo.

*Koncerne la poeziarton de la sveda trubaduro Carl Michael Bellman (1740-1795):*

22. En kanzonoj Bellmanaj, kunagas virinoj bel..manaj kaj bel..mamaj.

23. Multaj idealoj revitaj estas jam delonge krevitaj.

24. Certaj personecoj mondgvide imponas, alispecaj tipoj mon-avide friponas.

25. Ideoj ekstreme liberalaj, praktike fariĝis fatalaj.

## Infantravivaĵoj

***aŭtobiografia rakonto***



**Armela LeQuint**

### El la serio „Mamografio“:

# APOSTROFA POEMO aŭ APOSTROEMO aŭ TROA EMO

Ĉi-poeme l' apostrof' agas kiel en la itala lingv': kiam du vokaloj renkontiĝas, la unua malaperas favore al apostrof'. Tial la apostrof' egalas al –a, –e, –i, –o, –u kaj/aŭ –aŭ. Do tr' povas esti tra, tre, tri kaj/aŭ tro. Same egalas d' al da, de, do kaj/aŭ du, j' al ja, je kaj/aŭ ju, pl' al pli kaj/aŭ plu, il' al ili kaj/aŭ ilo, cel' al cela, cele, celi, celo kaj/aŭ celu, ĉ' al ĉe, ĉi kaj/aŭ ĉu, ti' al tia, tie, tio kaj/aŭ tiu, l' al la, laŭ kaj/aŭ li, kaj liste laste allog' al alloga, alloge, allogi, allogo kaj/aŭ allogu. Legu la vortojn kiel unu, ekzemple: "presk' apenaŭ" kiel "prés-ka-pé-naŭ" aŭ "k' il' ating' ankor' aŭdace" kiel "kí-la-tín-gan-kó-raŭ-dá-ce". La lastajn du liniojn poemajn legu kiel vi volas kaj senchavigu kiel vi volas kaj en ilin metu apostrofojn kie vi volas.

nov' amorikino, nov' ampleks'
mamgrando ja mangrandas
realiĝis fantazeks'

man' alvenas umbilikon
presk' apenaŭ tuŝtuŝante
soft' esploras la haretojn
il' afable min retiklas
tr' ekscitit' ekscitat' ek
m' alten ŝovas miajn fingrojn
l' inda delikata haŭto
tr' ostoj m' ektremetas fibre
pl' iras miaj fingroj pl' alten
m' ilin ŝovas milimetrojn
k' il' ating' ankor' aŭdace
d' aĵojn d' alt' allog' agrabla
ki' elstaras superripe
j' un' eteta mikrometro
d' amb' altaĵoj min disjgas
ti' eteta mikrometro
ĝ' iĝas pl' ol almen' unglongo
ĝ' etern' iĝas pl' ol lumjaro
ĝ' eĉ ampleksas l' universon
trans ĉi' ajn kaj pl' eĉ pli, pl' eĉ pli
ant' ol l' ant' etern' alŝovo
m' aerumas miajn pulmojn
k' oksigen' ating' ank' ilin
ĉ' anstataŭ' ekhalt' enspiro?
malgr' ekstrema streĉiteco
m' etan fingron suprenigas
l' eta fingro tuŝas ion
kvaz' ondet' irant' al bordo
kvaz' ombr' alvenont' al nubo
kvaz' oniks' enringigita
presk' ebena, plata holmo
ĉirk' elstara, firma pinto
karn' agrabl' elast' estaĵo
ki' ebona, plaĉa pinto
amb' ebonaj, plaĉaj pintoj
amb' ebenaj, plataj holmoj
amb' eburaj, palahaŭtaj
m' apudmetas miajn fingrojn
cel' al proksimigi karnon
cel' al proksimig' al karno
tr' em' unuig' avid' ilin
m' ekas nun j' unua fojo
kaj tuŝas lipoj ŝiajn mamojn
s' ion ced' entut', al tio!
ti' on' estu vir' pr' alt' io!
perdamatenepramoro
perdamatenepramoro





***Nikolao Günkel*** 2005



# Krucenigmo por pigruloj

Nur 12 numeritaj kvadratoj. Vere nenio. Kaj eĉ ne kripta. Eĉ neniu nigrumita kvadrato. Kia inko-ŝparo por la presisto. Inko-malŝparo por vi pro la tri desegno-taskoj aldonitaj.

1 2 3 4 5 6 7 8 9 10 11 12

Spaco por bildo de nebremsebla fifarul'. Se mankas inspiro, rigardu en spegulon.

Spaco por bildo de homoj rifuzantaj akcepti siajn seksajn impulsojn. Se la rezulto estas tro enua, aldonu aliajn homojn kiuj ja akceptas siajn seksajn impulsojn. Ne forgesu aldoni la vizaĝesprimojn de ambaŭ homgrupoj.

Spaceto por bildo de homo survoja al fuŝfaro. Ni ne povas disponigi tro da spaco, do ne povos temi pri tro spektakla fuŝo. Kaj kompreneble, se ĉi tiu klarigo estintus pli konciza, la fuŝo povintus esti pli grandioza. Tia la viv'.

**HORIZONTALE →**

2. La enigmo estas ___ kripta ___ malfacila.
5. Fragmento de ĉeval-bleko.
7. Proksiman.
8. Bildo restanta en la menso.
9. Plano
10. Iama ŝofor'
11. Preskaŭ preta por plenumi regulan itineron.
12. Prudaj. Rifuzantaj akcepti siajn seksajn impulsojn.

**VERTIKALE ↓**

1. Nebremsebla fifarul'.
2. Malsuperregeme.
3. Survoja al fuŝfaro.
4. Se du fremduloj renkontiĝos, ili estas ___ unu la alian.
5. Malgranda ronĝulo, mamulo, kiu povas teni manĝaĵojn en siaj vangoj – populara dombesto por infanoj.
6. Montrilon de vicordo.
10. Muskola elstaraĵ' ĉe la malantaŭa parto de la kruro kaj sub la poplito.
11. Mi certas, ___ ĉi tiu enigmo tro simplas por *Kancerkliniko.* (krom, konfesinde, la tuj antaŭa indiko – sed – mi defias vin – klarigu al mi kiel mi povintus pli facile prezenti tiun vorton!?)

---

La ĝusta respondo al ĉi tiu *Plena Ilustrota Krucenigmo de Esperanto* (PIK) aperos en la sekva numero, kune kun – eventuale, kial ne – la plej spektaklaj ensenditaj bildoj de fifaruloj, fuŝfaruloj kaj malprudululoj rigardataj de pruduloj. Kial tiom simpla la enigmo? Nu, ĝi naskiĝis por *Juna amiko* (tial 5 vertikale), sed poste ĝi rifuzis resti en la kadrojn de deco kaj simpleco kiun postulas tiu laŭdinda publikaĵo. Aliflanke ĝi ne atingis la egale severajn postulojn de ajneco apartenantaj al ĉi tiu egale laŭdinda periodaĵo. La defio al vi aldoni la necesan ajnecogradon en viaj bildoj.

*Stefan MacGill, Budapeŝto*

# Hotu

## *Ŝarlerik d'Arroi*

Iu sinjoro «Miĉionscias», filozofiinstruisto en Papeete, nevenkebla sin diris pri «tahitia» infana psikologio. Mi permesas al vi mentonfrapeti je dubega gesto, kvankam civitana. Same pri «regiona» kulturo, tio fetoras kiel rasismo kaj dankaĉu senmortan Levi Strauss. Do nia filozofo, altrangulo ĉe juda eklezio de Islama Kristo. Jes, ĉu? Tio mirigas vin? Sed ĉe sinkretismo, ja fundamentas "kret", jes ja, vi prave substrekas. Do tiu kredkretenulo arogis al si totalan konon pri tahitia vivo, pli majstre ol la veraj Tahitianoj, evidentas. Ni nomu tiun tripkolbasulaĉon "Jojo" por faciligi nian rakonton.

Jojo loĝas en bela dometo ĉe marbordo. Ne precize borde, sed je kelkaj dekmetroj. Mi ne kantos al vi "Agat", la lulkanton de mia junaĝo. "Ŝi jus heredis malgrandan herbejon, kiu triangulis cirkaŭ banejo"

Jojo heredis de sia patro grandan grundon kaj apud la pordo li kavigis cimentan basenon, kun naĝejbluaj etaj kaheloj. Belet', Jauuu.

Kaj kion Jojo metas en sian basenon? Jes sinjorino! Vi gajnis rajton reveni venontan semajnon! Jojo ja metis fiŝetojn kiujn li elprenis en la apuda rivereto. Tutsimpla feliĉo de simplulo kortuŝas. Sed malĝojo de Jojo, la morgaŭon !. Kiam li vidas sian gastetaron kiu dorse flosas !. Korŝirite.

Jojo sekvas siajn ideojn. Nova sakoretado provizas la basenon per nova vostumanta fiŝetaro. Kaj la postmorgaŭo. Pom pom popom. Vi konas la funebran marŝon.

Mia kamarado Taputu, najbaro de Jojo, ridegis kiam li rakontis al mi la enketon por trovi la fiŝmurdiston. Mi klarigu la psikologion de Tahitiano kiam okazas dika ridado kontraŭ Sinjoro Moŝto. Ĉi tie oni diras «Popaa». Justa rebato!. Taputu vivas dank'al sia fiŝkaptado. Li, pri Sokrato, nur konas la literojn por skribi la nomon. Sed li ja rimarkis ke aroganta Jojo fosis basenon precize sub la branĉoj de juna "Hotu" (Baringtonia-aziatika).

Elementa mia kara Ŭatson! Mi parolu pri tiu plaga gigantaĵo. Ĝia floro belegas. Fasko da blankrozaj egretoj ekfloras dum nokto kaj matene falas teren. La frukton uzis la fiŝkaptistoj por toksi la fiŝojn en laguno... Li preskaŭ ĉion scias, Jojo. Sed nenion pri la arbo kiu kreskas je tri paŝoj de lia domo.

Dum mia junaĝo, la «hotu-oj» (Kondrostoma-nasus) hantis la akvokirlojn ĉe la pilieroj de la ponto sur la Luaro en Fourŝambo, apud Neverso. Tie, la grandaj knaboj, kiuj estis almenaŭ dek tri aŭ dek kvar jaraj, kliniĝantaj sur la gardrelon, per dika nilono sendis sian centgraman plumbaĵon, hirtigita de pluraj trioblaj ducentimentraj hokoj. Ili murde ektiris kaj ĉiufoje suprenigis frenezan vostumadon. Estis «hotu» hokita je vosto aŭ ventre. Ili plenigis sitelojn. Tiu fiŝo ne bongustas. Ĝi estis rigardata kiel nocan ĉar ĝi voris la ovojn de la aliaj fiŝoj. Nigra haŭto interne tegas la ventron kaj malbongustigas. Ĝi plenas je fiŝostoj. La karno sengustas kaj ne bone sin tenas je kuirado. Tamen ni devas profundan dankon al tiu malbela hontema «hotu» kiu montras konfuzan buŝon, kiel « barbetfiŝo » (Barbus-barbus), konfuzan ĉar ĝi nevaloras sur la telero. Tutsimple ĉar dank'al «hotu » ni enigis en Luaron la plej belan kaj plej bongustan predanton, la sandron, kvarstelan ! Ni ne avaru, ni skribu majusklon al Sandro. Ĝi tion meritas, ja... Ĝi bongustas, ja. Ne estas kiel pastrabeno, lia hostio estas senĉarma.

Ĉu? «Hotu-o», por fari violonojn ? Ne. Eblas nenia uzado. La ligno malbelas, sentaŭgas. Se ĝi prezentintus ian ajn intereson por violonfarado, mi signalintus al vi de longe.

Pri kio mi skribis? Ha jes... La kulpa korpo, la maco, bof! Ĉefas kian pecon vi heredas. Kiam mi junaĝis, je la komunio, la pastro min regalis per hostio kiu, ĉiufoje, urine odoris. Pri la reno, mi neniel kontraŭas, sed tamen... Estas limoj. Mia kamarado Alberto pli bone ŝancis. Kiam li revenis al surgenuiĝo apud mi, li buŝtordate flustris al mi "mi havas hepataĵon". Kontraŭe, mia kuzino Albertina, kiam ŝi reiris sian benkon, montris al ni ege ekstazajn okulojn. Mi ne diras al vi kion ŝi suĉis pri Jesuo. «La inoj, ĉiuj midzulinoj.» (Sankta Paŭlo, letero al epikurianoj.)

Problemo : Hostio pezas gramduonon, do. 1) Kiom la du cent milionoj da kristanoj kiuj eŭkaristios venontan dimanĉon manĝos di-fil-karnojn? 2) Kiom ili voris a- de unu jaro? b- de cent jaroj ? c- de mil naŭ cent sepdek unu jaroj? La homo «Kristo», forta kaj bela, pezis cent kilogramojn. Donu viajn respondojn je nombro da Jesuoj

Respondoj: 1) 1000 Jesuoj 2) a- 52000 Jesuoj b- 5200000 Jesuoj c- 102492000 Jesuoj .

Kakaĵo ! Kial tia absurda ekskurso en flaŭreto de violonfaristo ?

Simpla! Se ni malkontestas ke proksimume ni kalkulas unu violoniston ĉe milo da Jesuoj, la kristikoloj* voris almenaŭ cent milojn de miaj uloj. Fuŝ! Je kiu mi vendos miajn violonojn, nun? Kanibaloj !

* Kristikolo estas nomo kreita de pastro Johano Meslier 1664-1729. Unua filozofo nete ateisto.

Ĉu unu veneno forigos alian? Ĉu Barringtonia Asiatika, kiun ĉi tie oni nomas «Hotu», povos nin liberigi pri birdo kiu asidue frekventas la lagunan randon? Ĝi estas diabla belaĵo. Superbelas Noddi Bruna, kuzo de sterno. Iom kanajla kun sia blanka kaskedo sur la okulo. Ĝi foriras maksimume ĝis dudek kilometroj oceanen kaj ĝi revenas nesten, preskaŭ ĉiam sur branĉo de kokosarbo, kontraŭ la trunko. Ĝi blekklakas. Tio kvietigas la idaron. Sed se, supre de la tegmento de via kabano, vento lulas la palmaĵon, mi ne bonnoktas vin. Vi daŭre maldormos pro la Noddiido kiu ploraĉas duontonon supren kaj malsupren. Hiii! Mi-faaa-mi. Tio ploras ĝis kordisŝiro.

Komence... Baldaŭ venos al vi murdaj ideoj. Vi vidos vin strangolanta tiun neatingeblan plagon. Proksimume tio samas la elektronikan tamtamon en la veturilo de salivuma kreteno, kun basoj kiuj fuŝas miajn timpanojn... Mi faras kiel amikino kiu ne eltenas antaŭ blatinvado; ŝi hazarde frapas siajn meblojn kriante al la insektoj "mi vin abomenas". Oni sin malstreĉiĝas kiel oni povas.

Sed kelkafoje, ĉu ne, ne facilas toleri la venenojn, Jojon, Hotuojn, Noddion, Blaton, Tamtamon, Macon kaj Kompanion de Jesuo.

# Fra Gaeta

**U.K. 2006**

ĉu vere estos
florenca la feliĉo?
ĉu renesanco
de l' lingvo esperanto?
ĝis kie, kia kvanto?
ĉu monda danco?
ĉu la amplena riĉo?
ĉu ĝin ni festos?

**En Florenco**

se ja mi serĉos
florencon en florenco
neniel ŝercos
(aliaj senprokraste
elserĉis jam senhaste
en romo romon)
kaj eblos konsekvenco:
mi trovos homon.

**Tio okazis**

mi aĵon havas:
ĝin revis mi infano
por vivfeliĉo.
rabisto ĝin forprenas!....
animsufer' min tenas
en termalriĉo,
sen mia talismano
vivo ne ravas.

**Ĝis kia...**

ĝis kia fido
ĉi luma aventuro
kaj mi homido
al kia voĉ' obeu
sen ke mi poste veu
sub laŭtaj bruoj
jam suferanta turo
sur la genuoj

**Ĉi tiu solitero**

mi tenas je ter'
ĝi estas mia vivo
eĉ nepre vee
la korpo min subtenas
kaj ĉiam pli katenas
nur spontanee
al normimperativo
espersoliter'

**Parolo, vi min tenas**

en la parolo
ĉeestas viva ordo
kaj homa volo.
per la muskola alo
real' al idealo!
mi, sonkiŝoto,
pluvivas en konkordo
kun sanĉofroto.

**Ne ftone... °**

ne ftone kuŝas
mi, sed dikamatrace
altanivele
por sonĝoj la plej belaj
el foraj revoj stelaj
ĝis ŝvebe-ŝvele
plename kaj aŭdace
feliĉon tuŝas

° ftono, el la japana: surplanka kuŝaĵo, maldika kaj faldebla

**Fia influo**

plu sen forgeso
inkube en la nokto
la taga streso
influe sin altrudas
kun miaj nervoj ludas
et-etadoze
lasante sian tokson
perfid-neŭroze

**Klarvidi**

proksimas fino
se nokto iĝas tokso
se karulino
ĉe min ne plu vizitas
intimon ja evitas
de l' maljunulo
kun lingva paradokso
la vivmakulo

**Oldulo**

hoj! kiom pezas
ĉi tiu nesolvebla
soleco... unu-
opa malsamseksulo
longdaŭra estas nulo
ne plu min punu
viv', jam ĉi koro febla
amon ne spezas

**Alia sperto**

plu malkvietas
la maro, mi sur buo
atendas, petas
trankvilon robinsonan,
sed tondron ĉie-sonan
aŭdas, akv' iĝas
fitohuvabohuo!...
kaj mi vekiĝas.

**Por "La Sankta Venko"**

"la sankta venko"
nuancŝvele pludaŭras
el ter' masiva
ĉiela ambrozio
de l' cezann-poezio
pri la provenco
dum ĝin monden restaŭras
mi primitiva

**De mi al mio**

vanghogsemisto
vin pelas la inklino
al artinsisto
de via vivpentristo
por mi, de mi al mio
nun gravas tio
ĉu vakas ŝi, la ino
kun simpatio

**Por "Estelle"**

vi "el la stelo"
koramikino nepa,
anim' al belo
per grandaj amokuloj
- feliĉas la speguloj! –
nun pli modernu:
per parolado pepa
ĉi lingvon lernu.

**Al nekonatulino**

ho! viaj trajtoj
mildeco kaj bonvolo
ĉefloras tiujn
de mia juna patrin':
mozarta muzikinklin'
ĉielojn ĉiujn!
por knabokorkonsolo
jen buntaj kajtoj.

# LKK-bis

**Komunikoj:**

**La 39-a ILEI-Konferenco** okazos de la 25-a ĝis la 29-a de julio 2006 en Parma kaj estas proponata kiel unu el la antaŭkongresaj eblecoj. Temo: Lingvaj rajtoj, lingvolernado kaj edukado por ĉiuj.

Informoj pri la konferenco kaj aliĝilo estas haveblaj en hejmpaĝo de ILEI <www.ilei.info> kaj ĉe ILEI estrarano pri konferencoj Aida Cizikaite, Zamenhofo 5, LT-44287 Kaunas, LITOVIO, <aidute@mail.lt.>. "Gianfranco Tomba" <fo15620@iperbole.bologna.it>.

***

**La gefianĉoj** aperis en la serio Oriento-Okcidento La italoj estas konindaj ne nur pro la bela klimato, la napolaj kantoj kaj la pico. Ili estas konindaj ankaŭ kiel "popolo de la libro". Temas pri la sola libro en Italujo, pri kiu ĉiuj scias. Kelkaj homoj memoras tutajn pecojn parkere. Ĝi eniris la ligvon per multaj dir-manieroj derivitaj el ĝi, kaj ĝiaj rolantoj: la kamparano, la advokato malfacile retorikanta por trompi kamparanojn, la bonegulo, la sanktulo, la malbonegulo, regule estas uzataj por priskribi nuntempajn homojn. "La gefianĉoj" (I promessi sposi, en la itala) estas verko de Alessandro Manzoni, kiu verkis en la 19-a jarcento, kaj priskribis eventojn okazintajn antaŭ jarcentoj en norda Italujo. Fakte temas pri la mistraktado fare de la tiamaj potenculoj al la tiamaj malpotenculoj kaj pri la rolo de la eklezio protekte al la popolo (eĉ se foje alianca al la regantoj). Nenio nova sub la suno.

Ĝi aperis en la serio Oriento-Okcidento de UEA. Se vi volas koni la homojn en la kongresa lando, ne maltrafu ĝin. La libroservo de Itala Esperanto-Federacio (Via Villoresi, 38, IT-20143 Milano, Italujo, <fei@esperanto.it>) vendas ĝin je 27 € + sendokostoj al eksterlando (triona rabato por aĉetoj de 3 aŭ pli multe da ekzempleroj). Aĉetebla ankaŭ en la libroservo de UEA.

***

Ĉu ne havas sencon viziti Florencon? Ĝis la mezo de februaro 2006 jam aliĝis al la 91-a UK en Florenco, Italio, preskaŭ 1,400 homoj el 52 landoj. Se vi volas renkonti esperantistojn el, ekzemple, Armenio, Benino, Novkaledonio aŭ Vjetnamio, venu al Florenco. Kvankam la plej granda nombro da samlandaj aliĝoj venas el apuda Francio (219), venas ankaŭ 118 el fora Japanio, 51 el Rusio kaj 45 el Brazilo.

***

**Svisa Enciklopedio Planlingva.** Nun eldonas ĝin CDELI kun Svisa Esperanto-Societo. Tiu milpaĝa verko utilos ne nur en Svislando mem, sed ankaŭ tutmonde, pro la signifa rolo de Svislando en la esperanta vivo kaj ankaŭ ĉefe pro la varieco de la tekstoj aperantaj en la grava antologia parto. Ĉion sciu pri, en Svisio, Volapük, Esperanto, Ido, Occidental-Interlingue kaj Interlingua!

Vendoprezo: 60 € - plus sendokostoj al CDELI, Bibliothèque de la Ville, Case postale 3034, CH-2303 La Chaux-de-Fonds (Ĉaŭdefono en la nova PIV...).

**Bouresse, de la 18-a ĝis la 21-a de julio**

(alveno la 17-a kaj foriro la 22-a)

**Renkontiĝo ĉirkaŭ *LKK*, prelegoj kaj debatoj pri la rolo de la nemovadaj revuoj**

Rezervu tuj ĉe Kvinpetalo, rue du Lavoir, 86 410 Bouresse, Francio. Inf-oj: 33 (0)5 49 42 80 74, www.kvinpetalo.org <informoj@kvinpetalo.org>

**Gazetoj:**

**Pola esperantisto**, 2/2006. Pola E-o-Asocio: "La Civito militas kontraŭ UEA", artikolo de Kazimierz Leja. "Laŭ klarigo aperinta en Heroldo de Esperanto, en la kazo de la polaj eventoj de 1985 la Senato de la Esperanta Civito estas "kvazaŭ tribunalo kiu juĝas pri la raporto de la prokuroro". ... La konkludoj de la Civito ĉiukaze klare direktas sin kontraŭ UEA kaj SAT. Aldoniĝas 8-paĝa suplemento de Stanislaw Mandrak kaj Jerzy Walaszek, resp. prezidanto kaj sekretario de PEA: "pri ĵonglado per la "polaj eventoj". Sed ja estas konate, ke "Ekster la Civito ne estas saviĝo!"

**La Brita esperantisto**, n-ro 960. "St-*ilo* por lerni la lingvon", kie ni scias ke "Dum la pasintjara somera festivalo en Barlastono, partoprenantoj plenumis stilekzercan taskon. Alivorte, ili ricevis bazan tekston, kiun ili devis modifi laŭ difinitaj modeloj, reverkante ĝin ekzemple bombaste, interjekcie, konversacie aŭ prelege." Kun precizigo, ke la ideo devenas de la franca aŭtoro Raymond Queneau, kaj la libro *Stilekzercoj*, tradukita en Esperanton far István Ertl kaj publikigita de *LKK*. (Nova eldono, formato A-5, 40 paĝoj, 5 €).

**Sennaciulo**, marto 2006. Tri legindaj poemoj pri Hiroŝimo 60 jarojn post ĝia detruo per atombombo, de Sylla Chaves: *Kuraĝega militisto*, *Enola Gay* (la nomo de la bombaviadilo) kaj *Sukcesa planado*.

**Nia bulteno** (Portugalio), n-ro 89. "Verkoj preter la malapero de António de Macedo". La aŭtoro rememorigas nin ke "António de Macedo estis unu el la plej talentaj tradukistoj kunlaborintaj en la *Antologio de Portugalaj Rakontoj*, kaj ke antaŭ nemultaj jaroj, instige de Manuel de Seabra, aperis en *LKK* (86/87/88) tri malnovaj (sed ne publikiĝintaj) rakontoj liaj.

legi

# Aŭskulti




**Historioj... Rakontu!** Instruaj rakontoj el Afriko, Herman Nyeck kaj Chamberline Nguefack Zedong. Eld. AfrikNaturo-Esperanto, Kamerunio. 122 paĝoj.

15 historioj por infanoj kaj suplemente kolekto de proverboj el Afriko. Ĉefe rolas bestoj, hundoj, leporo, apro, perdriko, kuniklo, porko kaj kompreneble ĉimpanzo, pantero/panterino, hienino, leono/leonino. Sed ne nur bestoj, jen la feino patrino de la Akvoj, jen la filino de la reĝo, jen la terkulturisto kaj la diablo, ktp.

Ĉiuj rakontoj kaj proverboj enhavas moralan sciendaĵon. Ekzemple post la ĉarma "La perdita kulero", afrika versio de Cendrulino, la aŭtoroj klarigas ke "Multe da virinoj mistraktas adoptitajn infanojn... Do, oni devas zorgi bone pri infanoj aŭ naivaj uloj kaj ne fitrakti orfojn nur tial ke ili havas neniun familion povanta ilin protekti"."

La stilo estas simpla sed tute ne malriĉa. Mi ŝatis la onomatopeon "ntem": bruo de io, precize frukto, kiu falas de arbo teren. Ĉiu rakonto estas brile ilustrita, foje eĉ per koloraj desegnoj. La libro, presita ĉe Skonpres en Pollando, belege aspektas. Do ne hezitu aĉeti ĝin por viaj infanoj kaj ankaŭ por prezenti okaze de ekspozicioj de esperantaj libroj.

En la artikolo de Bjørn A. Bojesen, *La kruda flanko de l' juvelo*, pri la Etimologia vortaro de Cherpillod, mi ne ĝuste prezentis la ogonekan o. Ĉar mi scias, ke tial pluraj el niaj legantoj ne sukcesis dormi dum pluraj tagoj, jen la ĝusta o!

ę ← ogoneka e (Pola litero)

ǫ ← ogoneka o (Norena litero)

**Jomo slavumas**, kun ĉiuj muzikistoj kun kiuj li ludas kutime sur scenejo, la anoj de kozak-rok-bando *Liberecanoj* kaj de slava muziko kaj danco *Solniŝka*. KD kun 24 kantoj. Eld. Vinilkosmo, 2006.

Ĉi foje Jomo ne nur kantas, sed ankaŭ ludas plurajn instrumentojn: akustika gitaro, basgitaro, balalajko, piano, pinĉviolono kaj perkutinstrumentoj. La ina voĉo estas Irina Lebedeva Zirka. Jen kanzonoj polaj, rusaj, ukrainaj, ciganaj, jidaj kaj ĉuvaŝaj. Kelkaj jam famkonataj en Esperantio, kiel la jida *Tumbalalajka*, la ukraina *Marusja* (Marusja, raz, dva, tri), *Apudmoskvaj vesperoj* kaj *Dancu*.

Por vekiĝi, dum matenmanĝo, jen la taŭga disko! Komence per la vigla *Golemo* (ja bo bo bo bo bom), poste kun *Liberecanoj de Jidlando* ( Vi, sen la ŝaloj de preĝado, Sen la kip' kaj sen Tora, Tiel vi rezistis... Ja bo bo bo bo bom), kun *Da nu da naj* je freneza ritmo kaj kun la bela voĉo de Irina, kun *Laŭ la klaĉ'*, kiu certe iĝos baldaŭ tre popolara, kun *Vagadis mi* kaj la raŭka voĉo de Neno, kun *La reveno de Taras Bulba* (Hajde, hajde, dajde, dajde), kun la sola "verda" kanzono *Pola*, de Kim kaj Jomo, plena de humuro, kun *Plifrua Pollando*, belega kanzono de Jomo kaj la lasta *Slavinoj* kiu emigos vin danci (atentu ne renversi vian bovlon!).




Sed preskaŭ ĉiujn kanzonojn mi povus citi. Ankaŭ pensigajn tekstojn vi trovos, ekz. en *La fumo* (Kiel ne plu pensi al teruro, Al petantaj krioj sub torturo), en la *Cigana preĝo* (Ni ne ŝtelis, ja mi ĵuras, Eĉ najleton el la kruco.). Preskaŭ ĉiujn kanzonojn verkis aŭ tradukis Jomo. Jomo, nedubeble nia plej granda nuna artisto, plie nepre spektinda, oj!

Pri **"Franca literatura skolo"**
(*LKK*-116)

Tiun prelegon mi denove faris okaze de la SAT-Amikara kongreso. Kaj mi alvenis al 56 franclingvaj homoj kiuj verkis beletrajon en E-o! Nun, dank' al helpo de Josip Pleadin, mi alvenis al 63!

Do, kiam restos loko mi informos vin...

*Yosano Akiko (1878-1942)*

# Tankaoj

*(La unuaj aperis en LKK-116)*

Esperantigis ***Gennadij Turkov***

Kvankam mi estis
ĉe l' akvofal' nelonge,
tamen flugigis
mian korpon ĉielen
al liber'! – Do, feliĉas.

Ĉu ĝi defendas
kontraŭ malĝojoj kiuj
venas de l' flanko
de l' nordaj marvastaĵoj –
ĉi duno ĉe l' urbofin'?

Eĉ kiam regas
cindrokolora vento
ĉie ĉirkaŭe,
majvesperoj ne perdas
sian junecan freŝon!

Longe paŝante,
mi spertas tian triston,
kiu plenigas
tute la tutan teron. –
Pro l' sonoj de l' insektoj!

Estis ĉirpado
per tre diversaj voĉoj,
tamen finfine
fariĝis nur per unu –
ĉe vesperaj cikadoj.

Alproksimiĝas
nigraj nuboj – kaj tremi
komencas steloj,
kvazaŭ etaj trutidoj
tiel timantaj koton.

Monta rivero
pli rapide ol tempo
fluas-torentas! –
Sciiĝo pri tio ĉi
min iomete distris.

Neĝokovritaj,
kun vesperruĝo post si,
estas pli palaj
ol pripinĉitaj brovoj. –
Alnoj vintrosezone.

Aŭdiĝas plaŭdoj
de l' river' Tadesina
elinter arboj...
Se mi almenaŭ tiel
ekaŭdus vian voĉon!

Perlajn ŝuetojn
piedvestinte, kuras
vera miraklo –
rojet' el neĝdegelo
sur ora pajltegmento!

En luna nokto,
vestinte sin per neĝo
kvazaŭ per plumoj,
monto Fuĵi aspektas
tuj forflugonta supren!

Mi, ne dirante,
ke la vivo malcertas,
simple ekzistas
kun trankvila rideto...
Amiko, venu al mi!

## Vesperas, vespertas

Vesperas, vesperas,
kaj la vespertoj vespere elflugas
salutas la vesperan venteton
vesperajn insektojn formanĝas
vespere kaj vesperte
groteskante
et-homoj eble, vesperflugante
et-fratoj miaj, mortigantaj
vespojn kaj baspojn
ĉe la sojlo mem
de eterna nokto.
Vesperas, vesperas,
kaj la vespertoj... vespertas.

***Peter Browne***

Baspo= Tipa vorto en *La Gazeto*. "Blanka Anglosaksa Protestanta". Vortludo ĉi-poeme: en la angla "Wasp" signifas tion, kaj ankaŭ (pli komune) "vespo"-n.

## Por Laŭrenco Septier

en poto floro,
ĝin ĉiu povas vidi.
en puto nun, ne.
nu, kial monda lumo
neniu ĝin vidanta?
do, tial bestoj
kaj homoj kun okuloj:
pro lumo vidon!

***Fra Gaeta***

## Demokratilo

per la skajpperil'
pli ol tri milionoj
kunkonektiĝas
samtempe: jen nova spac'
al ĉiuj lingvoj taŭga
por ke la homoj
parolu libervole
en paca mondo

***Fra Gaeta***

kion hom' faras
sentempe, tion tempo...
venĝe detruas.

*

homoj kapablas
rubaĵojn forĵetadi...
sur mozaikon **(FG)**

ektusante mi
la antaŭon manŝirmas..
tamen mi solas.

*

alvenos kio
el la ŝarĝita nubo?...
fulma ekkrio!

**(FG)**

Sur la TTT estas multe da diskutado, en la angla, pri la anglalingva libro:

# Eats, Shoots & Leaves

*Michael Kent JONES*

La simbolo "&", laŭ CEED neniam uzata en Esperanto, havas la signifon "kaj" (angle: "and"), kaj en la diskutado oni sufiĉe ofte anstataŭigas la simbolon per la vorto, kaj ankaŭ ni faros la saman:

**Eats, Shoots and Leaves**

En Esperanto tio estus: **Manĝas, Pafas kaj Foriras**

Ĉi tiu libro temas pri la interpunkciado. Jes, interpunkcio: komoj, punktoj, apostrofoj, ktp. Ne la malplej interesa fakto pri la libro, estas, ke ĝi furoris, en Anglio (kie oni skribis ĝin), dum la Kristnaska Sezono de la jaro 2003. Poste, ĝi furoris ankaŭ en Usono. Mi mem ne havas ekzempleron de la libro. Mi nur raportas al vi, estimataj legantoj, pere de la diskutado sur la TTT. (Mia gepatra lingvo estas la angla, do mi povas tralegi la diskutadon senprobleme.)

La aŭtoro estas S-ino Lynne TRUSS. (Kvankam la recenzoj mencias, ke ŝi ne estas geedziĝinta, mi donas la titolon "S-ino" por ŝi, analoge al la anglalingva "Ms.".)

S-ino Truss bedaŭras la kreskantan misuzon de anglalingva interpunkcio en la hodiaŭa mondo. Por montri la gravecon de la ĝusta interpunkciado, ŝi enkondukas la libron per ŝerco: Pando, portanta pafilon, eniras restoracion, mendas bongustan pladon, manĝas, poste elprenas la pafilon kaj pafas (sendube plafonen), kaj foriras. Kial? Ĉar ĝi nur obeas tion, kion diras pri ĝi anglalingva enciklopedio kun erara interpunkcio:

**Panda: a bear native to China. Eats, shoots & leaves.**

En Esperanto, tio estus: **Pando: urso indiĝena el Ĉinio. Manĝas, pafas kaj foriras.**

La sen-erara teksto estus sen komo post "Eats":

**Panda: a bear native to China. Eats shoots and leaves.**

En Esperanto, tio estus: **Pando: urso indiĝena el Ĉinio. Manĝas ŝosojn kaj foliojn.**

La ŝerco dependas de la fakto, ke "shoots" havas ankaŭ la signifon "pafas", kaj, ke "leaves" havas ankaŭ la signifon "foriras". Do, per aldono de komo post "Manĝas", kaj per anstataŭigo de la aliaj sencoj, oni havas la ŝercan sencon. (En la angla, la anstataŭigo de la aliaj sencoj estas aŭtomata kiam oni aldonas tiun komon.) Bonega ŝerco, ĉu ne?

Do, por enkonduki ĉi tiun raporton, mi uzas similan artifikon – la esprimon "Ne, Haltu!", montrante, ke la senco de la sen-koma esprimo "Ne Haltu!" estas **maligita** per la aldono de komo. Do, eĉ en Esperanto ni foje uzas interpunkcion por elekti inter sencoj, sed memevidente en la angla estas multe pli peza ŝarĝo sur la interpunkcio tiurilate.

La humuro de la ŝerco estas plialtigita pro tio, ke foje en (anglalingva) restoracio kelnero surportas humur-intencan etikedon kiu diras, "Eat, pay and go" ("Manĝu, pagu kaj foriru").

Cetere, la ligo inter la furora libro kaj restoracio memorigas pri bonega spritaĵo:

If you wait for inspiration, you're not a writer, you're a waiter.

(Se vi atendas inspiron, vi ne estas verkisto, vi estas kelnero.)

(En la angla, estas forta simileco inter "atendanto" kaj "kelnero".)

Kial ĉi tiu libro furoras kiam aliaj verkoj samtemaj kolektas polvon sur la breto? Memevidente ĉar la aŭtoro vendas ne nur instruon, sed ankaŭ indignon. Ĉu vendas indignon? Jes, vendas indignon. Estas granda merkato por indigno. Antaŭ multe da jaroj, mi aŭdis (en la filmo **A Thousand Clowns – Mil Klaŭnoj**, mi kredas) interesan anekdoton: Viro staris sur la trotuaro de okupata strato en NovJorko kaj, al ĉiu preterpasanto li diris, "Mi pardonpetas.", kaj en ĉiu kazo la preterpasanto kapjesis konsente kaj pluiris, montrante, ke ĉiuj homoj havas en la koro plendon kontraŭ la homaro! Do, kiam kanalo por esprimi tiun indignon malfermiĝas, oni avide utiligas ĝin. Do, mi teoriumas, ke S-ino Truss, per ŝia indigno, konektiĝis kun tiu indigno-sento. Ĉi tiu ne estas la unua fojo, ke indigna libro proponanta iaspecan severecon al la publiko fariĝis surprize populara. Antaŭ pli ol duonjarcento la libro

**The Screwtape Letters**

estis ekzakte la sama fenomeno. En Esperanto, la titolo estus **La Ŝraŭbbendaj Leteroj**

Kiel ĝia aŭtoro, C. S. Lewis, klarigis, li ne prenas tro da fiero pro la granda venditeco de la libro, ĉar ĝi estas tia libro, kian oni donacas al aliuloj. Nu, granda parto de la venditeco de la libro de Lynne Truss ŝuldiĝas ĝuste al tiu sama emo donaci la libron al aliuloj. Kaj kio pri la indigno en la libro de C. S. Lewis? Nu, ĉe la fino de la libro, la supera diablo Wormwood (Amarulo) tre koleriĝas kontraŭ lia suba diablo Screwtape (Ŝraŭbbendo) pro tio, ke Screwtape fuŝis sian taskon kaj permesis lian ĉasaĵon (junan viron) eniri la Paradizon post la morto.

Nu, revenante al la detaloj de la libro de Lynne Truss, ni konsideru plian kazon (donitan en la libro) kie kaj la angla kaj Esperanto dependas de interpunkcio por elekti inter sencoj (kazon kiu rememorigas pri la fuŝo de Screwtape):

Verily I say unto you, This day you shall be with me in paradise.

(Ververe mi diras al vi, Hodiaŭ vi estos kun mi en paradizo.)

Verily I say unto you this day, You shall be with me in paradise.

(Ververe mi diras al vi hodiaŭ, Vi estos kun mi en paradizo.)

Nun ni konsideru pliajn ekzemplojn (donitajn en la libro kaj/aŭ recenzoj), kie nur la angla estas ambigua:

What is this thing called love? (Kio estas ĉi tiu afero nomata amo?) –

What is this thing called, love? (Kiel nomiĝas ĉi tiu kozo, mia kara?)

A woman without her man is nothing. (Virino sen sia viro estas nenio.)

A woman: without her, man is nothing. (Virino: sen ŝi, la viro estas estas nenio.)

These things are my husband's. (Ĉi tiuj kozoj apartenas al mia edzo.)

These things are my husbands. (Ĉi tiuj kozoj estas miaj edzoj.)

No dogs, please. (Neniom da hundoj, bonvole.)

No dogs please. (Neniom da hundoj plaĉas.)

Go, get him surgeons! (Iru, havigu al li kirurgojn!)

Go get him, surgeons! (Iru preni lin, kirurgoj!)

Jen estas kelkaj ekzemploj verŝajne ne en la libro, nek en recenzo:

A man is as young as the woman he feels. (Viro estas tiom juna kiel la virino kiun li palpas.)

A man is as young as the woman, he feels. (Viro estas tiom juna kiel la virino, li sentas.)

Like a fish needs a bicylce. (Kiel fiŝo bezonas biciklon.)

Like, a fish needs a bicyle. (Nu, fiŝo bezonas biciklon.)

No good deed shall go unpunished. (Neniu bona faro restos ne-punita.)

No-good deed shall go unpunished. (Malbona faro restos ne-punita.)

Be little like him. (Estu malmulte simila al li.)

Be little, like him. (Estu malgranda, kiel li.)

Far from the Madin' Crowd (Longe for de l' Tumulto)

Far from the Mad In-Crowd (Longe for de la Freneza Mod-Maniuloj)

We've seen that already. (Ni jam vidintas tion.)

We've seen that, already! (Ni vidintas tion, jam!)

(En la angla ni havas ankaŭ jidan sencon de "already". La leganto sciu, ke en la angla, "already" en la jida senco, senco esprimanta senpaciencon aŭ cedon, venas nur frazfine, sed en la ordinara senco povas veni frazfine kaj aliloke.)

Cetere, ekzistas ĉe la TTTloko **www.punctuation.com** tuta anglalingva letero kiu, kun interpunkcio unu-maniera estas amletero kaj kun interpunkcio ali-maniera estas rifuzletero.

Ni rimarku, ke, en la angla ĝusta interpunkcio ne estas tute sendependa de la gramatiko. Konsideru la jenon:

A. This report is too short. (Ĉi tiu raporto estas tro mallonga.)

B. I know it is. (Mi scias, ke ĝi estas.)

Granda indigno-bato en la libro konsistas el la emfaza konstato, ke "it's" estas mallongigo por "it is" (aŭ "it has"); tutcerte ne la poseda formo de "it". Tamen rimarku: ni ne povas simple apliki tiun regulon:

A. This report is too short.

B. I know it's.

Ne eĉ la proverba idioto en rapid-bezono (angle: moron in a hurry) permesus, ke (B) elvenu el lia buŝo. Tio estas, la gramatiko diras, kun severeco de leĝo de la Fiziko, ke oni neniam finu frazon per "it's". Ĉu S-ino Truss informas siajn legantojn pri tiu fakto? Verŝajne, ne. Do, vole/nevole ĉi tiu raporto prenas la rolon de suplemento al la libro. (Do, ĉiuj kiuj aĉetis la libron de S-inő Truss devus aĉeti ankaŭ ekzempleron de ĉi tiu numero de "La Kancerkliniko"!). Sed ekzistas esprimoj en la angla kies ambigueco estas preter la kombinita povo de la gramatiko kaj la interpunkciado tuŝi, ekzemple:

**Who's on first?**

kiu havas samtempe la du sencojn: Kiu estas sur la unua bazo? kaj Kiu prezentiĝos unue?

Jen unu plia: la frazo,

**"I have read your book and much like it."**

havas samtempe la du sencojn:

"Mi legintas vian libron kaj multe ŝatas ĝin." kaj "Mi legintas vian libron kaj multon similan al ĝi."

Ĉi tiu juvelo estas la elfaraĵo de **Moses HADAS** (1900 – 1966), iama profesoro ĉe la universitato "Columbia" en Usono. Supozeble, tiu juvelo de Hadas ne aperas en la libro, ĉar neniu recenzisto mencias ĝin nek lian nomon. S-ino Truss plendas, ke la butikisto literumas lian afiŝon **Banana's** anstataŭ ol **Bananas**. Unu recenzisto bagateligis ĉi tiun zorgon, preferante zorgi pri la lingvaĵaĉoj sur la TTT. Verŝajne S-ino Truss ne sufiĉe alnajlis ĉi tiun tabulon, do ni helpu al ŝi:

"In a nation of shopkeepers, the advertisements should be punctuated properly."

("En nacio de butikistoj, oni interpunkciu la reklamojn ĝuste.")

Mi tamen devas raporti al vi, estimataj legantoj, ke la recenzoj sur la TTT ne estas unuanime laŭdaj. La recenzo en la gazeto "The New Yorker" (ne-konfuzenda kun la tag-ĵurnalo "The New York Times"), fare de S-ro Louis MENAND, estis aparte kritika:

**THE NEW YORKER**
THE CRITICS

BOOKS
**BAD COMMA**
Lynne Truss's strange grammar.
by LOUIS MENAND

Issue of 2004-06-28
Posted 2004-06-21

"The first punctuation mistake in "Eats, Shoots & Leaves: The Zero Tolerance Approach to Punctuation" (Gotham; $17.50), by Lynne Truss, a British writer, appears in the dedication, where a nonrestrictive clause is not preceded by a comma. … Either Truss needed a copy editor or her copy editor needed a copy editor. …"

**LA NOVJORKANO**
LA KRITIKISTOJ

LIBROJ
**MALBONA KOMO**
La stranga gramatiko de Lynne Truss.
fare de LOUIS MENAND

Eldono de 2004-06-28
SurTTTigita je 2004-06-21

"La unua interpunkcia eraro en "Manĝas, Pafas kaj Foriras: La Neniom-Tolerema Sinteno al Interpunkcio" (Gotham, $17.50), fare de Lynne Truss, Brita skribisto, aperas en la dediĉo, kie ne-restriktan propozicion ne antaŭas komo. … Aŭ Truss bezonis presotaĵ-redaktoron aŭ ŝia presotaĵ-redaktoro bezonis presotaĵ-redaktoron. …"

S-ro Menand estas la plej akra kritikanto de S-ino Truss. Mi ne povas rezisti al la tento kunigi ilin per modifo de anglalingva infanĉambra rimaĵo. Do:

Lynne and Louis
Sitting in a tree,
Comma-gazing, don't you see.
First comes food,
Then comes bear rage,
Then comes Louis
To baritone-disparage.

Lin kaj Luis
Sidantaj en arbo,
Komo-rigardantaj, ĉu vi ne vidas?
Unue venas nutraĵo,
Poste venas ursa furiozo,
Poste venas Luis
Por baritone diskreditigi.

Sed neniu mallaŭdanto levis la demandon, ĉu la interpunkciado por publikaj anoncoj nepre estu la sama kiel por beletraj verkoj. Tamen estas identigebla reguleco en la du kazoj de la apostrofo: tro-uzo kaj uzo-manko.

Ekzemplo de tro-uzo: Banana's 20¢/lb.

kiun butikisto metas sur sian afiŝon. Lynne Truss insistas, ke la ĝusta prezento estus:

Bananas 20¢/lb.

Ekzemplo de uzo-manko:

The judges decision will be final.

kiel anoncas la organizantoj de iu konkurso. Lynne Truss insistas, ke la ĝusta prezento estus

The judges' decision will be final.

La reguleco konsistas el tio, ke se oni plejofte uzas la ne-difinitan artikolon antaŭ la vorto, oni pluraligas la izolitan vorton per "posediga" apostrofo, kaj se oni plejofte uzas la difinitan artikolon antaŭ la vorto, oni emas uzi nur la pluralan formon de la vorto publike, kaj oni eventuale posedigas ĝin simple per la kunteksto, sen uzo de apostrofo. Ni pli ofte diras "a

banana" ol "the banana", do ĝia publika pluralo estas "banana's". Ni pli ofte diras "the judge" ol "a judge", do la poseda formo de la pluralo "judges" estas la sama: "judges". (Kiel pri "judges", tiel ankaŭ pri "weeks" en la film-titolo, "Two Weeks Notice".) Plia reguleco ligiĝas al la fenomeno nuntempa krei nomojn de firmaoj per kunmetado de du vortoj, konservante la majusklon de la dua vorto, ekzemple,

**RealArcade**

Nu, se oni ne obĵetas kontraŭ ĉi tiu kreskanta kutimo – kaj S-ino Truss verŝajne diras nenion kontraŭ ĝi – kial obĵeti kontraŭ la nocio, ke la apostrofo prenu sur sin la kroman laboron redoni iom da vidan apartecon inter la du elementoj? En la libro ŝi kvazaŭ kulpigas certan muzik-grupon (nome, Hear'Say) je grava misgvido de la publiko pri interpunkcio pro tio, ke ili faris precize tion en ilia nomo. Sed ĉu eĉ unu persono sur la tuta terglobo konfuziĝas per tiu uzo de la apostrofo? Cetere, nomon kiel **Lands' End**

oni povas rigardi kiel speco de tiu kutimo, kie oni elektis reteni la apartigan spacon. Memoru, ke bona desegno gardas kontraŭ ne-intencan ridigon, grava konsidero por publika nomo, signo, aŭ marko. La beletre-interpunkciita

**Land's End** (Ter-Fino)

tro facile transformiĝas al **Land Send** (Tero Sendas)

La film-titolo

**Who Framed Roger Rabbit**

estus en Esperanto **Kiu Falskulpigis Roĝr Kuniklon**

Lynne Truss kritikas la titolon, ĉar mankas al ĝi demando-signo (?). Nu, TTTloko okupata pri tiu filmo informas nin, ke oni intence forlasis la demando-signon pro la superstiĉo, ke titolo kun demando-signo ne fartus finance tiom bone kiel sen ĝi. Sed ni povas plipreciziĝi la danĝeron. La intenco estas, ke tiu ĉi demando estu tia, kia ne finiĝas per leviĝinta tono, kaj rezigni pri la demando-signo garantias tiun rezulton. En tiu maniero, la emfazo estas sur "Kiu Falskulpigis", kie ĝi devus esti. Kaj en taŭga kunteksto, eĉ kun la demando-signo la sama rezulto okazus. Sed izolite, sen kunteksto, ĉi tiu teksto kun la demando-signo havas du eblajn elparol-manierojn, nome, tiun kiu ne finiĝas per leviĝinta tono kaj tiun kiu ja finiĝas per leviĝinta tono. Sed tiu maniero en kiu oni finas per leviĝinta tono metas la emfazon sur "Roĝr Kuniklon", kies efiko estas dubigi la premison de la rakonto. Tiu estas la maniero kiel eble la gepatroj replikus al la infano kiu esprimis intereson rigardi la filmon:

Infano: Mi volas rigardi la filmon "**Kiu Falskulpigis** Roĝr Kuniklon"!
Patro: Kion? Ĉu vi ŝercas? "Kiu Falskulpigis **Roĝr Kuniklon**?"

Oni kompreneble volas eviti, ke iuj membroj de la publiko, vidinte la afiŝon reklamantan la filmon, hazarde elektus tiun duan manieron elparoli la titolon. La tintado de la ridado malemigus onin aĉeti bileton por rigardi ĝin.

Estas rakonto, ke la giganta firmao IBM, antaŭ multaj jaroj, enkondukis komputilon kiun ĝi eknomis CADET, sed devis poste ŝanĝi la nomon kiam oni komencis ŝerci, ke CADET estis akronimo por "Can't Add, Doesn't Even Try" ("Ne povas adicii, ne eĉ provas"). Kompreneble, ekzistas similaj rakontoj pri aliaj varoj.

Unu recenzisto, nome Nick Hornby, citas la jenon el la libro:

"Punctuation is a courtesy designed to help readers understand a story without stumbling." ("Interpunkcio estas komplezo celita por helpi legantojn kompreni rakonton sen stumblado."). Prave. Sed publika anonco ne estas rakonto! Do ne estu surprizo, ke la komplezo prenu malsamajn formojn por la du.

Nu, nova anglalingva spritaĵo sin proponas je ĉi tiu punkto:

"There are two types of people who cause talk about punctuation: those who can punctuation, and those who cant."
("Estas du specoj de homoj kiuj kaŭzas parolon pri interpunkcio: tiuj kiuj enrubujigas interpunkcion, kaj tiuj kiuj hipokritas." – Ĝi estas vortludo, kiu dependas de la supraĵa antonimeco inter "can" kaj "cant".)

La leĝoj de reklamado ne samas kiel la leĝoj por la beletro. Reklamado, por esti sukcesa, devas kapti la okulon. La beletro, por esti sukcesa, devas kapti la impagopovon. Ĉu estu surprize, ke ilia formo, inkluzive de interpunkcio, malsamu?

La Naturo estas tia, ke aferoj emas fariĝi pli bonaj globale, sed pli malbonaj lokale. (Ĉela telefono eksonorante en publika loko estas perfekta ekzemplo de tio.) La situacio kiun S-ino Truss priskribas, ĝis la grado, ke ŝi priskribas ĝuste, simple apartenas al tiu ne-evitebla lokala malpliboniĝo. Antaŭ jarcentoj okazis en la angla la tiel nomata "granda vokal-ŝoviĝo". Estas neniu signo, ke S-ino Truss konsideris, ke eble io simila estas nun okazanta en la angla pri literumado ĝenerale, kaj la interpunkciado aparte. La leganto eble demandas sin, kial S-ino Truss ne simple donacas ekzempleron de sia libro al la butikisto (por, ke li ne plu skribu "Banana's"). La kialo sendube (tio estas, tute ne) estas, ke ŝi timas, ke la butikisto respondus per alia frazo de Moses Hadas:

"Thank you for giving me a copy of your book. I will waste no time reading it."
("Mi dankas, ke vi donis al mi ekzempleron de via libro. Mi malŝparos neniom da tempo por legi ĝin.")

Kaj eĉ se finfine la butikisto tralegas la libron, eble li konsentus kun mia supre-donita kontraŭ-tezo. Do, eble venus eĉ pli timiga respondo, denove helpe de Moses Hadas:

"This book fills a much-needed gap."
("Ĉi tiu libro plenigas multe-bezonatan breĉon.")

***

*Biografie pri Michael Kent JONES: Li estas Usonano instruante la anglan en Ĉinio.*

## *Jacques ROUBAUD* (Ĵak Rubo)

# LA STRATOJ DE PARIZO

tr *JP DANVY*

La stratoj de Parizo havas du flankojn
jen ĝenerala regulo
Neniu strato de Parizo havas neniun flankon
(cetere ne eblas koncepti kiel povus esti strato de Parizo (aŭ de alia urbo) havanta neniun flankon)
Neniu strato de Parizo havas nur unu flankon
(Cetere ne eblas koncepti kiel povus esti strato de Parizo (aŭ de alia urbo) havanta nur unu flankon)
strato de Parizo malfacile povus havi tri flankojn
strato de Parizo povus ja havi kvar flankojn
Sufiĉus konstrui domojn meze de ordinara duflanka strato
tamen tion oni ne faras
mallonge dirite
la stratoj de Parizo havas du flankojn

La stratoj de Parizo havas domojn ambaŭflanke
jen ĝenerala regulo
se strato de Parizo ne havus domojn sur unu flanko
kaj se aliflanke troviĝas Sejno
tiam ne temas pri strato sed pri kajo
la strato de Medicis ne havas domojn en la flanko de la Ĝardeno de Luksemburgo
ankaŭ ne la strato de Lutecio (en la flanko de la Arenoj de Lutecio)
kaj la strato Cuvier laŭlonge de la ĝardeno de la Plantoj
tiakaze
ni diros kun Gawanna en la Nyâya-Ŝutro,
ke strato havas ne-domojn en la flanko kie ĝi ne havas domojn
kaj ke tiuj ne-domoj karakteriziĝas per la ne-esto de domoj
en tiu ĉi flanko de la strato
kio neniel estas negativa observado
tute same kiel manko de bruoj ne estas alio
ol pozitiva observado de silento
kaj kiam strato de Parizo havas domojn neniflanke
tiam ĉiuflanke de la strato estas ne-domoj

La stratoj de Parizo havas maldekstran flankon kaj dekstran flankon
kiel ni
la maldekstra flanko de strato de Parizo estas tiu kie la neparaj numeroj de la domoj kreskas maldekstraflanke kiam vi marŝas
la dekstra flanko de strato de Parizo estas tiu kie la paraj numeroj de la domoj kreskas dekstraflanke kiam vi marŝas
jen ĝenerala regulo
(kiam mi promenas en strato de Parizo mi zorge notas ĉu tiu kondiĉo estas plenumita
(kondiĉo kiu ne validus por la domoj de la urbo de Reus en Katalunio
kie estas la malo
aparta maniero por tiu urbo firmigi sian distingecon
(en Caunes-Minervois estas unu sola numerigado por ĉiuj domoj de la urbo
do nek maldekstra flanko nek dekstra flanko en iu ajn strato
(se oni transportas ĉiujn domojn de Caunes-Minervois ŝtonon post ŝtono al Kalifornio kaj se oni liniigas ilin laŭ ordo de kreskantaj numeroj oni havigos novan urbon nomotan Caunes-Minervois (Cal.) kiu havos nur unu straton kiu estos unuflanka strato; kaj tio sen bezoni la supozon de bizara tipologio kiel tiu de la rubando de Möbius
(se la transportado estas tro kosta, eblas konstrui tutsimple kopiojn de la domoj kiel oni farus por la Partenono en Nashville. Kaj nenio malpermesas, kiel en Nashville kie oni anstataŭis la mankantajn statuojn en la friso de la Partenono por ke la duplikato estu pli aŭtenta ol kio restas el la originalo, anstataŭi la mankantajn tegolojn de la tegmentoj de la modeloj sur la domoj de Caunes-Minervois (Cal.)

(kaj eĉ aldoni korteton antaŭe kaj banejon malantaŭe
(ĉar kio gravas finfine estas nur la numero de la domo
(sed malfeliĉe ne eblos malvolvi asfaltan rubandon antaŭ la domoj ĉar tiam la strato havos duan flankon)))))))
kaj se okazas ke strato de Parizo havas numerojn nur unuflanke
laŭ la pareco de tiuj numeroj tiu flanko estos la maldekstra (aŭ la dekstra)
kaj la ne-domoj de la alia flanko surhavos ne-numeradon kiu estos nepara se ilia flanko estos la maldekstra kaj para en la mala kazo
Mi agnoskas ke la stratoj sen domoj
kaj la stratoj kiuj havas nur domojn sen numeroj
min maltrankviligas

Sed mi ĉi tie haltigas tiun poemon pro ĝia longeco
Kvankam restas multaj aferoj direndaj pri la stratoj de Parizo

---

# Femina

Decidinte batali kontraŭ mizoginismo, maĉismo, falokratismo, seksismo, pornografio kaj similaj PIV-ajoj, kaj efike kontribui al la politika korekteco, *LKK* decidis malfermi, en kunlaboro kun *Hirudo Komunlikas* (*), rubrikon de la Feminisma Movado.

Unue ni memorigu la glorajn heroldinojn de niaj komunaj streboj, la aŭtorinojn de la jenaj progresemaj motoj :

« En la atentigo de Anna Löwenstein mi legis ekzemplon de tiu simpla saĝo, kiun probable nur virino kuraĝas produkti. » (Perla Martinelli en Akademia diskuto).

« Mi timas ke, se ni serĉos virojn, kiuj ne vere konsideras virinojn kiel konsumaĵojn aŭ almenaŭ kiel stultajn kokinojn (kiujn ili devas obeigi !) ni ne trovos multajn ! » (Marthe Poher, *Sennaciulo*, sept. 2002, p. 125).

Kaj kiel unua decida paŝo ni deziras publikigi kaj disvastigi la spritaĵojn de la feministinoj. Jen unua stoko, sub formo de demandoj-respondoj :

Kial la viroj havas puran konsciencon?
Ĉar ili neniam uzis ĝin.

Kial la viroj tiom ŝatas la aŭtojn kaj motorciklojn?
Ĉar tiuj estas facile manipuleblaj.

Kiu diferenco estas inter viro kaj kato ?
Neniu, ĉar ambaŭ timas la polvosuĉilon.

Laŭ kio videblas diferenco inter vira cerbo kaj olivo ?
Laŭ la koloro.

Kial plimulto el la virinoj stiras mallerte?
Ĉar la plimulto el la aŭtoinstruistoj estas viroj.

Kio estas komuna inter nuboj kaj viroj?
Kiam ili malaperas, oni povas esperi belan tagon.

Kion faru virino, kiam ŝia edzo kuras zigzage en la korto?
Ŝi plu pafadu.

***Michel Duc Goninaz***

(*) HIRUDO KOMUNLIKAS estas la ritagentejo de la establojdoj en la Paktolo por la Esperanta Civeto.
Redakto: sen. Anna Lasanj. Sub la imprimaturo de la Konsumo aŭ lia delegito.
HiKo disdonas gazetarajn komunikojn pri la aktiveco de tiuj establojdoj.
HiKo entenas analizon pri la artikoloj, komentarioj, demandoj koncerne la Esperantan Civeton.
HiKo akceptas ankaŭ alies informojn, se la redakcio taksas ilin interesaj por la evoluo de Esperantio kaj la prestiĝo de Giorgio Fildefer.

## Letero

Estimata Jacques Le Puil,

Hodiaŭ mi ricevis la numeron januar-februar-martan (2006) de *KancerKliniko*. Bone. Tamen estis ankaŭ terura novaĵo: sur la banderolo estis ruĝe preslitere skribita: *Abonfino*! Estas kvazaŭ diri "manĝadofino" aŭ "spirofino" – kiel mi povas vivi sen la ĉiutrimonata spico?
Feliĉe, mi trovis en tirkesto kvitancon de ELNA (Esperanto Ligo por Nord-Ameriko). La dato estas 08/01/06. Laŭ tiu mi ja pagis 28 usonajn dolarojn por *La KancerKliniko*.
Mi petas vin, kontrolu en via tirkesto aŭ kontamaso, ĉu mi fakte estas abonanto. Se estis iu skandala friponaĵo, eĉ eraro, kaj mi vere ne estas abonanto, bonvolu informi min, kaj mi ĝoje pagos duafoje prefere ol esti sen *KancerKliniko*.
Preĝante ke mia abonstato estas en bona ordo, mi restas la via,

Steĉjo de Kanado

NDLR: ni publikigas tiun leteron unue por plezurigi niajn kunlaborantojn: almenaŭ kelkaj homoj vere legas la zageton kaj tion ne bedaŭras! Due por sadisme montri al ELNA, ke Ionel Onet-n ili devintus konservi eĉ kontraŭ enorma salajro! (sed kompreneble nun ĉio estas en ordo, kaj ni amike salutas la ELNA-ulojn, kiuj certe provas kiel eble plej efike fari sian laboron!).

# Ivan Franko

*Mikaelo Bronŝtejn*

Inter multaj literaturaj jubileoj en 2006 alvenas cent kvindekjariĝo de Ivan Franko, laŭ mi, plej interesa kaj, certe, plej fekunda reprezentanto de ukraina literaturo. Dum la soveta epoko, ŝajne en 1976 ekis aperigo de lia kvindekvoluma (tamen ne plena!) verkaro. La dekokan volumon mi vidis en 1979. Laŭ la informo de Viktor Pajuk, ukraino, loĝanta nun en Usono, la eldonistoj sukcesis veni al la lasta volumo en 1986. Aperis fakte eĉ pli – ĉar kelkaj volumoj estis eldonitaj kiel du libroj. La verkiston, nuntempe apenaŭ konatan ekster Ukrainio, oni adoras en la Patrolando. Eĉ nuna registaro de Ukrainio, spite al mondeficito, balotaj bataloj kaj aliaj portempaj plagoj, eltrovis eblecon por provizi preparadon de la jubileaj aranĝoj per sufiĉe grava monsumo – 136 000 hrivnoj (ĉ. 35 mil USD).

Ivan Franko (1856-1916) naskiĝis en Galicio, kiu apartenis tiutempe al Aŭstro-Hungario. Li estis filo de simpla vilaĝa forĝisto, sed la patro, kaj, post forpaso de tiu, ankaŭ la bopatro sufiĉe bone prizorgis lian klerigon. La knabo brile finstudis en t.n. "normala" lernejo, poste en gimnazio, ĉiusomere revenante en hejmvilaĝon por helpi la gepatrojn pri kamparanaj laboroj. Jam tiutempe li komencis traduki tekstojn el la Sankta Biblio ankaŭ verkojn de okcidenteŭropaj kaj antikvaj poetoj; ĉion ĉi li faradis en la ukraina lingvo. En 1875 Ivan Franko studentiĝis ĉe fama universitato en Lviv kaj aliĝis al studenta rondeto de tiama "pormoskva" partio, en kies organo "Druh" (Amiko) li aperigis siajn poemojn. La junularo de la "pormoskva" partio baldaŭ forlasis la iamajn partiajn idealojn, elektinte klerigon, demokration kaj uzadon de la ukraina lingvo. Estis la kaŭzo por ke malnovaj "pormoskvanoj" en 1877 faru denuncon pri la redakcio de "Druh" al la ŝtata polico. La polico reagis fulme per aresto de la tuta redakcianaro. Ivan Franko pasigis naŭ monatojn en prizono; tio fremdigis lin por la loka "kultura" medio kiel personon danĝeran kaj senigis de la ebleco plu studi en la universitato. Cetere, la junulo estis enprizonigata pliajn du fojojn – en 1880 kaj en 1889.

Paradokse, la restado en prizono tamen kontribuis al la posta gloro de Franko. Tie li akiris temaron por siaj sinceraj verkoj pri la sorto de malriĉaj laboruloj; tiuj verkoj publikiĝis en multaj revuoj kaj tuj estis tradukitaj en aliajn lingvojn. Plej grandan sukceson havis liaj noveloj, i.a. "En la fundo de l' socio", la romano "Boa Constrictor", lirikaj poemaroj. Multaj liaj poemoj fariĝis kantoj kiuj estas kantataj ankaŭ nuntempe. Ivan Franko laboregis sinforgese, arde, sukcese provante sian talenton en diversaj literaturaj ĝenroj. La historia romano "Zaĥar Berkut" pri la tatara invado en la 13-a jc. eĉ ricevis premion de la revuo "Zorja" (Aŭroro), kies redaktoro absolute malŝatis la verkiston.

Alia paradokso estas, ke, dum la verkoj de Ivan Franko furoris en la leganta medio (ekz. ruslingva traduko de lia rakontaro "V poti ĉola" (Kun la frunto ŝvita), eldonita en Peterburgo, 1891, estis disvendita dum kelkaj tagoj nur), la sorto de ties aŭtoro estis enorme kompatinda. Lia amo al la pastrofilino Olga Roŝkeviĉ, fiaskigita de la cirkonstancoj, kaŭzis la poemarojn, plenajn da liriko ĉarma kaj profunda, sed kritikistoj nomis ilin dekadenco. Li verkis multajn altverecajn poemojn kaj rakontojn pri la vivo de galicia juda socio, plenajn de sincera simpatio al la juda laborularo – la kritikistoj kondamnis la verkojn kiel antisemitajn. Pro la romanoj, montrantaj certan putriĝon de pola nobelaro (ekz. "Osnovi suspilnosti" (Fundamento de l'socio) li perdis la laboron, kiu nutris lin – pollingvaj gazetoj ne plu akceptis liajn verkojn. Ivan Franko entuziasme restudentiĝis ĉe l' universitato en Ĉernivtsi, dum du jaroj (1893-1895) finstudis kaj brile doktoriĝis en Vieno per disertacio pri salavistiko. En 1895 la profesora senato elektis lin profesoro, sed grafo Badeni, la prokuratoro de Galicio, malpermesis profesorigon de la persono "trifoje prizonigita".

Tamen la vivo daŭris kaj gloro venis al la verkisto dumvive. En 1899 oni solene festis la 25-jaran literaturan jubileon de Ivan Franko. Evidentiĝis, ke nur la titoloj de liaj verkoj listigite formas ampleksan libron (eldonita en Lviv, 1898). Endas konsideri, ke, krom poemoj, prozaj kaj dramaj verkoj, Franko tradukis en la ukrainan el 14 lingvoj kaj el la ukraina – al la germana kaj la pola, kreis aron da eseoj pri etnografiaj, sociologiaj kaj ekonomiaj temoj, verkojn pri teorio kaj historio de literaturo. Estas mirinde, sed ĉe la aro de diversaj okupoj li ne restis indiferenta al politikaj aferoj, aktivante kiel social-demokrato kaj eĉ du aŭ trifoje kandidatiĝinta al la Aŭstria parlamento.

Mi ŝatus iom komprenigi al esperantista legantaro la signifon de la ukraina koloso, prezentante almenaŭ eron el la enorme vasta kaj interesa literatura heredaĵo. Eventuale ukrainaj esperantistoj trovos forton por fari pli vastan prezenton.

**Johano, la Brava**

La antikvan urbon slavan
malamik' sieĝis.
Kaj en timo la urbestroj
Dian helpon preĝis.

Ĉar obstine sturmis murojn
la hordoj minacaj,
ne plu povis sin defendi
la urbanoj lacaj.

Sed troviĝis kuraĝulo –
metiist' Johano,
kiu diris en sekreto
al gepatra klano:

- Hontu, fratoj, strige sidi
sur la urba muro!
Ni ataku la fremdulojn
en nokta obskuro!

La tendaron malamikan
ataku akute,
kaj – aŭ mortu ni, aŭ ilin
neniigu tute.

Kiel planis, tiel faris
Johano, la Brava:
Polven frotis la fremdulojn
la kuraĝo slava.

La taĉmenton de Johano
antaŭkuris gloro.
Estis tuta rea vojo –
la tapiŝo flora.

Mem Johanon metiistoj,
soldatoj, servutoj
glore portis en la urbon
kun krioj, salutoj...

Kaj kunvenis la urbestroj
por bone pripensi,
kiel tiun gloran agon
digne rekompenci.

Unu diras: - Por altigi
la heroan faron
tuj elektu ni Johanon
en la urbestraron!

Ne, ne taŭgas! – diras dua,-
Jen la solvo klara:
Faru ni lin komandanto
de l' trup' gardistara.

Tria diras: - Ne, sinjoroj,
jenon mi proponu :
Sakon da moneroj oraj
ni al Joĉjo donu.

- Ne, ne, ne! – ekhurlis ĉiuj, -
Estas vera blago!
Kia honto – pagi monon
Por heroa ago!..

Tiel brue la urbestroj
multajn solvojn trovas,
sed komunan opinion
atingi ne povas.

Sed surgrimpis la podion
la urbestro dika,
kaj aklamis la amason
per voĉo predika:

- Gloron! Gloron al Johano,
metiisto brava!
Sed, ĉu estas digna prezo
por la venko sava?

Doni monon? – Li ne prenos
pro honto kaj pio.
Ĉu altigi? – La aliujn
ekregos envio.

Kaj mi diru: dum li vivas,
li nin ege ĝenus...
Ĝuste tial mi, sinjoroj,
jenan solvon prenus:

Ni hodiaŭ lin mortigu.
Sur palison levu.
Morgaŭ li post enterigo
sanktecon ricevu.

Ĉe la tombo lin priploru
tuta urbanaro,
kaj nomtagon lian festu –
dufoje dum jaro!

- Bele! Bele! – ĉiuj kriis, -
jen honoro rava !
... Tiun dankon, do, ricevis
Johano la Brava.

1881

**Elukrainigis**
***Mikaelo Bronŝtejn***



# La okulo en la puto (6)

**Resume** Sildava giganta viro forrabas l'porkajn okulojn kaj post duhora vojaĝo atingas Sildavion, forĵetas ilin en puton. Do jen la "okulo en la puto". Tion oni rajtas diri.

Jes, jen ni atingas vere strangan punkton en tiu rakonto : iuj okuloj estas en potoj, aliaj en puto. Kaj fakte strange estas pripensi kial iuj estas ie kaj aliuj alie, se tiel diri.

Franca filozofo kaj ĉinologo François Jullien, nun mondfama, verkis multajn librojn, kaj en tre trafa artikolo aludis pri la "listoj" en la Ĉina literaturo. Efektive, multaj - inter kiuj antikvaj - ĉinaj libroj estas nur ... listoj.
Krome en nia dua epizodo troviĝas la frazo "Lasta sed ne lista [...]" - vi komprenas, ke ni aludis la britan proverbon "Last but not least" ("la lasta sed ne la malplej interesa").
Do ni varme pensas, ke nun alvenis la momento resumi ĉion per listo : eble ĝi ne estos la lasta, sed almenaŭ ĝi estos la lista.

Jen do ĉio (preskaŭ !), kio okazis dekomence, kaj liste. Poste vi mem, dank'al studo de l'listo, povos alveni al konkludo, kaj Sherlock Holmes tiam alvenos por diri, ĉu vi pravis aŭ ne.

Kaj jen :

- Giganta barbulo nigre vestita eniras Holmesen.
- Li estas la Grafo Vilhelmo von Supenteler.
- Li montras al Holmes poton kun okulo interne.
- Li ankaŭ montras du ĉinajn "成语" (proverboj).
- Li estas murdita de venena sageto.
- Vizito al D-ro Boto, specialisto pri venenoj.
- S-ino Hudson Fu-Manchu-e maskovestita.
- Ŝi montras novan poton kun **2** okuloj !
- D-ro Boto diras, ke li 'stas membro de MI-5.
- La frazo "Lasta sed ne lista" aperas.
- Li vokas Nasir'-on por enTamizenigi Holmes-on.
- Moriarty aperas.
- Sherlock Holmes manĝas francan kasuleton.
- Letero iĝas telero.
- Oni sup-ozas, ke Fu-Manchu murdis Supenteler.
 [bv. pardoni, sed ne restis spaco por l'akuzativ']
- La oficiro murdita surstrate ne havis okulojn.
- Novaj "成语" (proverboj).
- Ludi la barkarolon, jen la nova ideo de Holmes.
- Holmes kokainumas, fumas tutan nokton.
- Barkarolo ŝanĝita, nun temas pri bakarao.
- La kuglo ne atingis Holmeson.
- Fakte la kuglo ne estas kuglo.
- Ne, la kuglo ne estas kuglo, ĝi estas okuloj.
- Jes, kuglo estas unu, sed l'okuloj ĉiam 'stas du.
- El la tri kapoj nur unu senokulas. La porka.
- La aliaj estis bovo kaj ŝafo.
- Tiam iu Sildavo eniras kaj forrabas l'okulojn.
- Li atingas Sildavion (legu l'apudan resumon).
- Jen nun, ke li forĵetis l'okulojn en la puton.




Nun, vi, leganto, scias ĉion, kion vi devas scii por atingi konkludon.
Tre bone atentu, ke okuloj kaj supoj estas ligitaj per tre intima rilato. Jen indiko. Alia indiko estas, ke Moriarty, Nasir' kaj D-ro Boto estas ĉiuj viroj. Nur S-ino Hudson estas virino. Laŭ la nuntempaj ideoj, ĉefe en okcidenta parto de l'mondo, tio ne estas bona. Ni do imagu ke tiu granda sildava viro ne ĵetis l'okulojn en puton, sed en putinon (putino estas tutsimple ina puto). La alia problemo estas, ke temas pri porkaj okuloj. Kial ne bovoŝafaj ? Ĉu io Binladenus ? Tion vi scios en la venonta LKK ...

**Lăurenco Septier**

Desegnoj de **Zo** (el "Novaj Impresoj el Afriko" de Raymond Roussel)

**Venonta ĉapitro : La okulo en la putino**

La KancerKliniko n° 118
avril/mai/juin 2006
Directeur : Jacques Le Puil,
"Les Cocherats" 18210 Thaumiers, France
Imprimé par nos soins ( les plus appliqués)

# Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO 18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres. R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO 22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo 143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO 22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO 18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO 22 € | David Kelso, 5 Craigenhill Road, Carluke, ML8 4QT |
| ĈEĤIO 14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1, CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO 22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO 22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo) + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO 22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven Wiclefstr.9, D-10551 Berlin Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO (Eŭskio) (Katalunio) 21 € | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa 20080 Donostia, Gipuzkoa. Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008 08200 Sabadell |
| HUNGARIO 14 € | Besenyei Anna, Budapest Szerémi ùt 21.1V/20 |
| ITALIO 22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO 22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16 Takasago-si, Hyogo-ken, 671-01 |
| KANADO 33,2 CAD | Yves Bellefeuille. 2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO 14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO 14 € | LitEA, p. k. 167 LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO 22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO 14 € | Jerzy Handzlik, 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUSLANDO 14 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad, p.k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO 22 € | S E F c/o Lisbet Andreasson, Södra Rörum, Husarlyckevaegen 29, 242 94 Hörby |
| USONO 27$ | ELNA, Inc.C.O., PO Box 1129, EL CERRITO, Cal. 94530 |

aviadile aldonu 1 €

**Kuniks la kuniklo de Kavlan**

**bildstrio, plenkolora preso**
**12 p. 30 cm. 6 € (3 por np-landoj)**
**Nia amiko malavare donacis al *LKK* multajn ekzemplerojn.**
**Mendu ilin por helpi nian Klinikon.**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

## La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl (nova eldono, A5) | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |

## La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

## La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti | 3,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |

## Speciala numero

| | |
|---|---|
| 1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) | 5,00 € |

## Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

**"Blazonoj"** estas elĉerpita; eblas gin ricevi rekte de Serge Sire (sen rabato): 85 imp. des Fées, F-74330 Sillingy

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj la 4 kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** **18,00 €**
(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

**Libroj** (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| Infantravivaĵoj, Armela LeQuint | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil | 24,00 € |


Ho ! Terure ! kompatindulinetoj !
ve !
ve !
ve !
ve !
ve !


Sed !... ne 'stas riglite ! Nur apogite !
Nu ! Kial simple vi ne fuĝis ?
Estas absolute malpermesite !


Sed, diru: kian vivon li trudas al vi en tiu terura ejaĉo ?
Aĥ ! Fratineto !... Se vi scius !...




Sed.. Ĉu bezonatas kvin virinoj nur por tio ?!?


Nu... Ne malofte li gastigas amikojn !...
Ni ne perdu tempon !... **Ni pafu nin for !**






















La KancerKliniko n°118 Avril/Mai/juin 2006
Directeur Jacques Le Puil 18210 Thaumiers France
Imprimé par nos soins.